# Vilna Sonoro




N-ro 1

Sabato, 23-a de julio 2005

Tage +17 +19
Nokte +10 +12

Redakteja retadreso: **kuriero@esperanto.lt**

Kongresa Kuriero de la 90-a Universala Kongreso en Vilno, Litovio


## Bonvenon al Vilno!

*Ĉefurbo iĝas ĉefurbo.*

La ĉefurbo de Litovio iĝas ĉi-jare la ĉefurbo de Esperantujo. Vilno kaj Litovio jam delonge meritis gastigi la Universalan Kongreson de Esperanto. Estas feliĉe kaj signife, ke fine okazas la kongreso 100 jarojn post la Unua Kongreso de Esperanto en Bulonjo.

Kiel sciate, la motivo de Zamenhof pri la kreo de Esperanto naskiĝis ja en la iama teritorio de Litova Granda Duklando kaj eĉ nun staras la domo de lia bopatro A. Zilbernik, kiu subtenis la eldonon de la Unua Libro de Esperanto. Iuj diras, ke Litovio estas kvazaŭ la hejmlando de Esperanto. Senrilate al tio, en la kongreslando vi fartu kiel hejme, sed ne kvazaŭ hejme.

Vin ĉiujn varme bonvenigas la unua numero de la kongresa kuriero titolita per *Vilna Sonoro*. La kuriero celas informi vin pri gravaj eroj de la kongreso, necesaj detaloj, neeviteblaj ŝanĝoj en la programo, okazintaĵoj kaj aliaj ĝisdatigoj al la kongreslibro.

La kuriero estu via, do ni bezonas viajn kunlaborojn. Verkemuloj, raportu pri kongreseroj. Ĉiuj respondeculoj pri fakaj kunsidoj kaj aliaj eventoj, plenigu la raportilon pri la evento. Ĝin liveru al la redaktejo aŭ enmetu en la skatolon indikitan por *Vilna Sonoro* ĉe la informejo. Bonvenas viaj anekdotoj interesaj kaj amuzaj rilate al la kongreso kaj ankaŭ fotoj el via cifereca fotilo.

Antaŭdankon pro via kunlaboro!

**Choe Taesok**

## Gazetaro informis amase

Litovaj amaskomunikiloj ja amase informis ĝis nun pri la 90-a Universala Kongreso. Jam multajn monatojn antaŭ la UK ĵurnaloj kaj lokaj kaj tutlandaj multfoje aperigis artikolojn pri la UK kaj ĝenerale pri la Esperanto-movado en Litovio kaj en la mondo.

Ankaŭ ne mankis tia informado ĉe radioj kaj televidoj programoj, kiuj elsendis pri la UK kaj Esperanto. Al tia diskoniga sukceso grande kontribuis la ĉiusemajna kvinletera informado de la LKK-prezidanto, Povilas Jegorovas.

## Transporto por la INAŬGURO

La aŭtobusoj por la **Solena Inaŭguro** (salono Zamenhof en Vilniaus Siemens Arena, Ozo str. 14) ekiras de antaŭ la kongresejo de Reval Hotel (Konstitucijos av. 20) **dimanĉe je la 08h00 kaj 09h00.**

Por la **Nacia Vespero** (Zamenhof) la aŭtobusoj ekiras **dimanĉe je la 18h30 kaj 19h30** de la sama loko (Reval).

Se vi maltrafas, de Real Hotel Lietuva iru kaj transiru la straton Kalvarijų. Trovu la bushaltejon "Žaliasis tiltas" ĉe la samnoma ponto. Veturu per la buso n-ro 10, 26, 26A, 53 aŭ 53A. Eliru en la 5-a haltejo "Pramogų Arena".

## Kiel atingi la salonon Bulonjo

en la Kongrespalaco (Vilniaus str. 6/14)

De Reval Hotel iru perpiede al la direkto al Žaliasis tiltas (Verda Ponto). Trapasu ĝin kaj iru al la direkto al Congress Hotel. La sekva konstruaĵo estas nia celo.

## Bileto por publika transporto:

Unufoja bileto kostas 80 litovajn centojn. Bileton oni povas aĉeti en la specialaj butikoj kaj kioskoj. Oni povas aĉeti ĝin ankaŭ ĉe ŝoforo, sed ĝi kostas unu lidon. Bileto estas sama por buso kaj trolebuso. Tamen **NE FORGESU validigi ĝin**, enbusiĝinte.

Ekzistas bileto por unu tago – kostas 4 lidojn, por 3 tagoj – 10 lidojn, por 10 tagoj – 20 lidojn. Sed tiujn biletojn oni vendas nur en kelkaj lokoj de la urbo: ĉe la fervoja stacidomo en la kiosko "Vilniaus miesto transporto bilietai" (en la strato Geležinkelio 16), en la busa stacidomo (en la strato Sodų 22) kaj ĉe la Katedralo (en la avenuo Gedimino 2).

Ekzistas mikrobuso. Bileto kostas 2 lidojn kaj ĝin oni aĉetas nur ĉe ŝoforo. Krome, veturas privata buso, por kiu bileto kostas unu lidon ĉe ŝoforo.

Veturo estas malpli kosta per vokita taksio el via hotelo ol per surstrate prenita taksio.

## ATENTIGOJ

**Gazetara konferenco**

La unua gazetara konferenco de la kongreso okazos je la 10a horo en la salono Lapenna, sabate, la 23-an de julio, en la kongresejo. Partoprenos Renato Corsetti, Humphrey Tonkin, Povilas Jegorovas.

**Cseh-kurso kaj Cseh-seminario**

Cseh-kurso kaj Cseh-seminario estas aranĝoj aparte pagendaj. Ĉiu, kiu deziras partopreni, bonvolu pagi ĉe la enirpordo al la koncerna salono. La aliĝintoj nepre havu ĉe si ĉiutage la kvitancon por rajti eniri en la salonon. Se estas interesitoj por observi la funkciadon de la metodo, tiuj rajtas ĉeesti, sed la organizantoj petas ilin resti en la salono de la komenco ĝis la fino de la leciono. Por tiu observado oni devas pagi aparte por leciono kaj tion oni povas fari ĉe la enirpordo.

**Rendevua tabulo**

Kongresanoj kontrolu regule, ĉu ili havas mesaĝon ĉe la rendevua tabulo. Por pendigi viajn mesaĝojn, vi konsiliĝu ĉe la informejo.

**Senpaga parkado**

Estas eĉ du eblecoj - unu apud Centra Universala Magazeno (CUP), kiu troviĝas nur ĉirkaŭ 200 metrojn for de la ĉefa kongresejo sur la sama flanko de la strato, la alia estas trans la strato same tre proksime de la kongresejo sub granda aĉetum-centro "Europa".

**Sendrata interreta konekto**

Kiu havas tian komputilon, kiu ebligas sendratan interretan konekton, povas libere uzi en la kongresejo, en la katedrala placo, en la strato Piliės kaj parte de la avenuo Gedimino. Estas ankaŭ normala drata konekto en ĉiu ejo de la kongresejo.

**Mendu ekskursojn**

Ankoraŭ mendeblas ekskursoj. Demandu ĉe la ekskursa giĉeto.

## Diservoj en Esperanto

Ni invitas jam sabate, la 23-an de julio, en la preĝejon Sankta Rapholus, en la strato Šnipiškių 1; piede 2 minutojn de la kongresejo:

- je 12h15 Ekumena Tagmeza Preĝo
- je 17h00 Antaŭdimanĉa Sankta Meso kun prediko.

Dum la tuta semajno escepte de dimanĉo kaj ĵaŭdo okazos Diservoj en Sankta Rapholus

- je 08h00 Sankta Meso
- je 12h15 Ekumena Tagmeza Preĝo
- je 17h15 Ekumena Vespera Laŭdo

Dimanĉe okazos

- je 15h00 Ekumena Diservo en la preĝejo Sanktaj Johanoj, en la strato Šv. Jono 12; ĉirkaŭ 30 minutojn de la kongresejo en la antikva urboparto kaj
- je 16h30 Dimanĉa Sankta Meso en Sankta Rapholus

**Bernhard Eichkorn**, *katolika pastro*

## AIS-IKU-SESIOJ

**IKU**

La longa tradicio de la Internacia Kongresa Universitato (IKU) estas jam bone konata. Ĝi alportas al la kongreso altnivelan klerigan kadron de prelegoj en variaj temoj. Ankaŭ ĉi-jare la temoj varias – inter astronomio, geologio, matematiko kaj folkloro, sed la plimulto ĉi-jare temas pri lingvistiko.

**AIS-IKU**

En la naŭdekaj UEA kunlabore kun la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) enkondukis apud la IKU novan iniciaton: kursoj, kiuj estis kombino de IKU prelego kaj daŭrigaj prelegoj pri la sama temo. La kursoj estis prezentitaj kadre de AIS-IKU komuna sesio. AIS-IKU sesio okazis ekperimente en Seulo, sed unuafoje en la nuna formato en la UK en Tampere (1995) kaj preskaŭ ĉiujare poste: en Prago, Montpellier, Berlin, Tel Aviv, Fortaleza kaj lastfoje en Gotenburgo (2003).

En Vilno okazos tri AIS kursetoj, kiuj konsistas el po tri prelegoj: unua enkonduka IKU prelego kaj du daŭrigaj prelegoj, en kiuj la preleganto povos pli profunde kaj vaste prezenti la temon. La enkondukaj prelegoj de ĉiuj tri kursoj okazos dimanĉe posttagmeze, en salonoj Lapenna kaj Berthelot. La daŭrigaj prelegoj okazos marde kaj ĵaŭde, en la urba planetario (salono Poška), proksime de la kongresejo.

**IKU libro**

Unuafoje en Adelaido(1997) UEA eldonis la tekstojn de la IKU prelegoj antaŭ la komenco de la kongreso, por provizi al la kongresanoj kompletan priskribon de la prelegoj. De tiam la kolekto de la prelegoj aperis broŝurforme ĉiujare. La IKU libro estas aĉetebla en la libroservo, kaj foje en la prelegsalono. Ĝi povas servi kiel referenco kaj por montri la sciencan, fakan kaj edukadan aplikadon de Esperanto ankaŭ al eksteraj instancoj, ekzemple ĉe Unesko kaj scienc-rilataj kaj universitat-rilataj organizaĵoj (tiucele utilas la tradukoj de la prelego-resumoj).

### Foto de kongresano



Fotis KN 92

Iuj jam konfuziĝis pro simila aspekto de KKS (maldekstre) kaj LKK-ano, la kongresejestro (dekstre). Do, atentu!

# AŬTORAJ DUONHOROJ

***Ĉiam okazas en la libroservo** (salono Ito Kanzi)*

Sabate la 23-an de julio, je la 16h30:
Boris Kolker - pri " Vojaĝo en Esperanto-lando"

Dimanĉe la 24-an de julio, je la 16h30:
Valentin Melnikov - pri lia traduko de "Eugeno Onegin"

Lunde la 25-an de julio, je la 11h30:
Scienca kaj faka duonhoro: Christer Kiselman, kiel redaktoro de faka literaturo: Symposium on Communication Across Cultural Boundaries / Simpozio pri interkultura komunikado

Prelegkolekto de samnoma simpozio aranĝita en Gotenburgo post la UK

Esperantologio n-ro 3 / Esperanto Studies No. 3 (EES 3). La tria numero de periodaĵo por esperantologoj;

Amri Wandel - pri la dua pliampleksigita eldono de "La kosmo kaj ni "

Lunde la 25-an de julio, 16h30:
Aleksander Korĵenkov - pri "Historio de Esperanto"

Marde la 26-an de julio, 11h30:
Mikaelo Bronŝtein pri aperintaj en 2005: "Lundo ekas sabate" - sciencfikcia romano de fratoj Strugackij, kiun li tradukis, "Iam, kiam...", nova originala poemaro kaj ankaŭ novajn kantojn.

Marde la 26-an de julio, je la 16h30:
"La Zamenhof-Strato" tradukita en plurajn lingvojn, kun aŭtoro Roman Dobrzynski kaj eldonistoj por la ĉeĥa, kroata, litova, latva, estona, japana, slovaka, slovena (organizita de Spomenka Stimec).

Jaŭde la 27-an de julio, je la 11h00:
Litovio: aŭtoroj de esperantlingvaj libroj rilataj al Litovio: Marc Vanden Bempt, pri "Litova lingvo per Esperanto-okuloj",

Inita Tamošiunienė pri siaj poemoj kaj tradukoj, kaj eventuale aliaj aŭtoroj.

Jaŭde la 27-an de julio, je la 16h00:
Istvan Ertl pri la poemaroj "La unufoja lando" (de la litova poeto Tomas Venclova) kaj "Provizore", ankaŭ pri "La postdomo" kaj la tradukoj de "Sensorteco" kaj "Ĉu nur-angla Eŭropo?"

Vendrede la 28-an de julio, je la 11h30:
Trevor Steele pri la dua volumo de la romano "La fotoalbumo" kaj pri "Diverskolore"

Vendrede la 28-an de julio, je la 16h30:
HORI Jasuo pri "Raportoj el Japanio"

***Tria eldono de "Vojaĝo" en miaj manoj***

Same kiel antaŭ tri jaroj, la aŭtora ekzemplero de la nova eldono de "Vojaĝo en Esperanto-lando" atingis min en mia naskiĝtago, kaj tio estas la plej kara donaco. Jen mia freŝa impreso pri ĝia aspekto.

La multe pli granda formato de la libro eĉ pli reliefigas la talenton de la brila grafikisto Francisco Veuthey Francisko Vete: la kovrila foto impresas per sia vivanteco kvazaŭ tridimensia, sennombraj pligrandigitaj fotoj kaj desegnaĵoj formas unikan albumon de Esperantujo, majstra dezajno kreas festan etoson. La literoj iĝis pli grandaj kaj facile legeblaj. Kompense – la papero estas malpli dika kaj luksa kaj tial la libro iĝis malpli peza (kaj konvena por la poŝta tarifo de sendaĵoj sub 500 gramoj). Sed kio pleje ĝojigis min - la prezo restis la sama, sufiĉe modera por tiaspeca eldonaĵo (mi ja timis, ke ĝi altiĝos je kvarono).

En la sama tago venis entuziasma retletero de Osmo Buller, Ĝenerala Direktoro de UEA, kiu skribis, ke dum la unuaj dek tagoj vendiĝis rekorda kvanto de ekzempleroj, kaj ke evidente ankaŭ en la jaro 2005 "Vojaĝo" estos la plej vendita libro en la Libroservo de UEA.

Kelkajn tagojn pli frue la Moskva bardo Mikaelo Povorin sciigis min, ke li verkis muzikon por Valso de vojaĝantoj de Nina Cvileneva, kiu aperis en la lasta leciono de la libro. Mi invitis Mikaelon kanti ĝin dum la prezento de "Vojaĝo en Esperanto-lando", kiu okazos dum la 90-a Universala Kongreso en Vilno, la 23-an de julio, sabate, je 16h30 en la Kongresa Libroservo (programo "Aŭtora duonhoro"). Dum la Universalaj Kongresoj en Fortalezo kaj Pekino "Vojaĝo" estis vendata kun granda rabato. Mi supozas, ke same okazos en Vilno.

**Boris Kolker**

## Alvenis salutoj

... de Imre Szabo el Hungario: "Via kongreso povas esti la unua en la historio, kiun karakterizos firma socia atento, eble ne nur en Litovio, sed en tuta Eŭropo, kiu nun eksoifas pri la neŭtrala, komuna lingvo, kiu ne subpremas la naciajn kulturojn, ne velkigas senpres-tiĝigante la naciajn lingvojn..."

... de Meziane Boukhebou el Alĝerio: "Nome de mi kaj ĉiuj alĝeriaj esperantistoj, mi sendas al vi miajn, sincerajn salutojn, per tio mi ŝatas marki mian, mensan, almenaŭ virtualan, partoprenon en la ĉi-jara kongreso de Esperanto..."

## Kongresaj poŝtmarko, filatela folio, koverto

Okaze de la 90-a Universala Kongreso de Esperanto, Litova Poŝto eldonis novan poŝtmarkon. Sur ĝi estas la portreto de Ludoviko ZAMENHOF kaj la emblemo de la jubilea UK. La poŝtmarko havas valoron de unu lido (ĉirkaŭ 1/3 de eŭro).

Litova Poŝto eldonis tiel nomatan suveniran filatelan folion. Ĝi estas faldebla en bildkarta formato. Sur la frontpaĝo de la folio estas pentraĵo de Zilbernik-Domo en Kaunas, nun la sidejo de Litova Esperanto-Asocio, sur la dorsa interna paĝo estas trilingva (litova, Esperanta, angla) mallonga kelkfraza teksto pri la 90-a UK, sur la alia interna paĝo estas gluitaj du kongresaj poŝtmarkoj - unu sigelita per speciala kongresa poŝta stampo de la unua tago kaj la alia nesigelita.

Krome, Litova Poŝto aperigis novan koverton, sur kiu estas presita la monumento al Zamenhof kaj estas surgluita la kongresa poŝtmarko.

Ekde sabato la poŝtmarko kaj aliaj filatelaĵoj estas aĉeteblaj en la porokaza poŝtejo, kiu funkcias en la ĉefa kongresejo Reval Hotel Lietuva. Sabate: 12h00-16h00.

Ornamu viajn sendaĵojn per novaj kongresaj poŝtmarko, koverto kaj poŝtstampo.

## KLERIGA LUNDO

25 julio 2005

En Gotenburgo kaj Pekino, ni organizis en la kadro de la Universala Kongreso specialan kaj tre sukcesan klerigan tagon, en kiu okazis plej diversaj kunvenoj – pri la lingvo Esperanto, pri ĝia historio, pri la kongresa lando, pri novaj metodoj de informado, pri kiel organizi kongresojn, ktp. Multaj kongresanoj partoprenis (verŝajne eĉ plimulto de la kongresanoj), kaj sekve iris hejmen kun novaj ideoj kaj nova entuziasmo. En Vilno ni denove prezentas nian Klerigan Tagon. Ni invitas vian partoprenon....

## El la redakcio

La redakcio kolektas viajn kontribuojn en la skatolo ĉe la informejo kaj en la redakcia salono Rosbach kaj per retpoŝto: kuriero@esperanto.lt. La redaktofino por la venonta numero: sabate je 16h00.

La kurieron oni povas legi en la PDF-formato ĉe http://esperanto.lt/board/zboard.php?id=kuriero.

Petras Čeliauskas, LKK-ano pri la kongresa kuriero, Honora Membro de UEA, malsanas kaj ni bondeziras al li baldaŭan resaniĝon.

Ĉi tiun numeron redaktis Choe Taesok, Mečislovas Grikpėdis, Reza Torabi, Vida Čojienė, Indrė Pileckaitė.

## UTILAJ INFORMOJ




### Poŝtaj afrankoj

| | Al eksterlando simpla | Al eksterlando prioritata |
|---|---|---|
| Poŝtkarto | 1,00 | 1,20 |
| Letero ĝis 20 gramoj | 1,30 | 1,70 |

Afrankoj por sendaĵoj al eksterlandoj ne dependas de distanco nek de kontinento, kaj do estas egala ĉu al najbara Latvio, ĉu al fora Aŭstralio.

### Komparo de lidoj kaj eŭroj

| Lidoj | | Eŭroj | Lidoj | | Eŭroj | Lidoj | | Eŭroj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 0,10 | = | 0,03 | 2 | = | 0,58 | **10** | = | **2,90** |
| 0,20 | = | 0,06 | 3 | = | 0,87 | 20 | = | 5,80 |
| 0,50 | = | 0,14 | 4 | = | 1,16 | 50 | = | 14,49 |
| **1** | = | **0,29** | 5 | = | 1,45 | **100** | = | **28,99** |

### Gravaj litovaj vortoj kaj frazoj

Saluton – **Sveiki** [svejki']
Bonan matenon – **Labas rytas** [la'bas ri'tas]
Bonan tagon – **Laba diena** [laba' djena']
Bonan vesperon – **Labas vakaras** [la'bas va'karas]
Dankon – **Ačiū** [a'ĉju]; **dėkui** [de'kuj]
Multan dankon – **Ačiū labai** [a'ĉju labaj']
Ne dankinde – **Nėr už ką** [ner uĵ ka']
Mi petas – **Prašau** [praŝaŭ']
Bonvolu – **Prašom** [pra'ŝom]
Mi dankas – **Dėkoju** [deko'ju]
Mi pardonpetas – **Atsiprašau** [atsipraŝaŭ']
Pardonu – **Atleiskite** [atlejs'kite]
Ĉion bonan – **Viso labo** [vi'so la'bo]
Ĝis revido – **Iki pasimatymo** [iki' pasima'timo]
Adiaŭ – **Sudie** [sudje']
Jes – **Taip** [tajp]
Ne – **Ne** [ne]
Bone – **Gerai** [geraj']
Tre – **Labai** [labaj']
Malbone – **Blogai** [blogaj']
Mi volas – **Aš noriu** [aŝ no'rju]
Mi ŝatas – **Aš mėgstu** [aŝ meg'stu]
Mi ne komprenas – **Aš nesuprantu** [aŝ nesuprantu']
Kafo – **Kava** [kava']
Teo – **Arbata** [arbata']
Biero – **Alus** [alus']
Kafejo – **Kavinė** [kavi'ne]
Trinkejo – **Baras** [ba'ras]
Restoracio – **Restoranas** [restora'nas]
Kiom kostas – **Kiek kainuoja** [kjek kajnŭo'ja]

# Vilna Sonoro




## N-ro 2

**Dimanĉo, 24-a de julio 2005**

| | | |
|---|---|---|
| **Tage** | **+19** | **+21** |
| **Nokte** | **+09** | **+11** |

Redakateja retadreso: **kuriero@esperanto.lt**

Kongresa Kuriero de la 90-a Universala Kongreso en Vilno, Litovio


**Transporto por la INAŬGURO**

La aŭtobusoj por la Solena Inaŭguro (salono Zamenhof en Vilniaus Siemens Arena, Ozo str. 14) ekiras de antaŭ la kongresejo de Reval Hotel (Konstitucijos av. 20) **dimanĉe je la 08h15 kaj 09h15. Reveno al Reval je la 12h15.**
Por la **Nacia Vespero** (Zamenhof) la aŭtobusoj ekiras **dimanĉe je la 18h30 kaj 19h30** de la sama loko (Reval). Reveno al Reval je la 22h15.
Se vi maltrafas, de Reval iru kaj transiru la straton Kalvarijų. Trovu la bushaltejon "Žaliasis tiltas" ĉe la samnoma ponto. Veturu per la buso n-ro 10, 26, 26A, 53 aŭ 53A. Eliru en la 5-a haltejo "Pramogų Arena".

## Alta Protektanto ne partoprenos la solenan inaŭguron

Multaj esperantistoj ofte demandadis unu la alian, ankaŭ ĵurnalistoj, ĉu la solenan inaŭguron partoprenos ĝia Alta Protektanto, Prezidento de Litovio Valdas Adamkus. Eĉ Povilas Jegorovas longe ne povis klare respondi al tiu tikla demando.

Tamen evidentiĝis, ke la alta protektanto de la kongreso dimanĉe (la 24an) preferas la finalon de Eŭropa Atletika Ĉampioneco en Kaunas, kiun partoprenas 45 landoj, kaj ne la Universalan Esperanto Kongreson, al kiu kunvenis delegitoj eĉ el 60 landoj, kaj kies Alta Protektanto li estis nomumita. Almenaŭ ĝis nun tiel pri dimanĉa tagordo de la Prezidento informis litovaj amaskomunikiloj.

## Gazetara konferenco de la kongreso

Sabate, je la 10-a matene, okazis la unua gazetara konferenco. Eble pro troa antaŭinformiĝo de gazetaro pri Esperanto kaj la kongreso, eble pro nelabortago Sabato venis nemultaj ĵurnalistoj. Tamen kun esperantistoj estis ĉirkaŭ 20 personoj.



Povilas Jegorovas, LKK-prezidanto enkondukis la konferencon. Renato Corsetti, UEA-prezidanto, substrekis, ke ni estas partio de paco kaj kunlaboro. Humphery Tonkin, honora UEA-prezidanto, atentigis pri lingva problemo sub la pliampleksiĝo de EU.
Kiel kutime, ĵurnalisto demandis "Kiom da Esperanto-parolantoj tra la mondo?" Humphery Tonkin respondis: "… Ili estas certe pli ol vi suspektas, sed mal pli ol ni deziras…" Do, niaj deziroj rapide plenumiĝu.

**KN 92**

## Rusa kanalo la unua raportis

La 22an de julio en sia vespera informelsendo "Litovskoje Vremia" en ruslingve emisiata televida kanalo "1 Baltijskij kanal" la unua raportis pri la sabate komenciĝanta Universala kongreso en Vilno. TV ĵurnalistoj videis en la kongresejo kaj surstrate, informis pri la internacia lingvo kaj intervjuis viceprezidanton de Litova Esperanto-Asocio Stasys Kružinauskas, kiu interalie menciis, ke lerni Esperanton multe pli facilas ol nun tre popularan anglan lingvon. Koredevena litovia esperantisto Choe Taesok en Esperanto kaj la rusa lingvo invitis al la kongreso.

Lunde Povilas Jegorovas, LKK-prezidanto partoprenos en la matena programo "Labas rytas" de la nacia televido LTV.

## Programŝanĝo

La programero "Internacia Arta Vespero – preparoj 1" ne okazos kiel antaŭvidite dimanĉe je la 15h00, sed LUNDE je la 11h00 en salono Skūpas.

**KN 581**

### Tuttaga ekskurso E-4

Atenton! Vi matenmanĝos tre frue kaj tagmanĝos malfrue. Kunportu manĝaĵeton kaj trinkaĵon.

### Esperanto, ŝanco por Eŭropo

Estas franca asocio en Asnieres (tuj apud Parizo), ĉirkaŭ 80.000 loĝantoj, kelkaj esperantistoj.
Ni serĉas urbeton, same apud ĉefurbo en Eŭropa Unio, pli malpli same priloĝanta, por krei esperantistan ĝemeligadon.
Ni ĝojus pri tio! Bonvenon!

**KN484**

### Ĝangalo

El la 23-an de julio ĝis 30-an okazas en Vilnius la 90-an UK. Ĝangalo jam disponigis al siaj legantoj specialan raporton pri la Kongreso. Dum la kongresaj tagoj, la redakcio de Ĝangalo informos pri la lastaj okazintaĵoj de la kongreso. La redakcio havos videojn por tuja disponigado en la kanalo Aŭdvide de Ĝangalo, kaj por posta elsendado pere de Internacia Televido. http://ĝangalo.com

**Boatado**

Multjaraj "Boatadoj" en la pasinteco tra Ignalina nacia parko allogis esperantistoj el ĉiuj anguloj de la eksa Sovetunio. Bela naturo, gajaj okazintaĵoj.
Amika etoso akompanis partoprenantoj. Rememoru, refreŝigu, refortiĝu partoprenonte "Boatadon – kajakadon" omaĝe al la 90-a UK merkrede.
Renkontu malnovaj kaj novaj amikoj, vidu fotaĵon kaj remu kune. Dezirantoj bonvolu turni sin al ekskursa giĉeto

**KN 1668**

## Al la eldonistoj

Se vi intencas prezenti viajn novajn eldonaĵojn dum la programero "Libroj de la jaro", kiu okazos ĵaŭde je la 11h30 kaj ne jam anoncis vin, bonvolu urĝe kontakti Claude Nourmont, estraranon pri kulturo (KN 82). Ĝis nun sin anoncis eldonistoj de tradukoj de "La Zamenhof-strato".

## Du libroj en Esperanto de nobelpremiito Reinhard Selten

Post la (en la dumkongresa libroservo ankoraŭ havebla) „Enkonduko en la teorion de lingvaj ludoj – Ĉu mi lernu Esperanton?" de nia nobelpremiito Reinhard Selten ĵus aperis okaze de la 90a Universala Kongreso dua libro lia en Esperanto: „Por dulingveco en Eŭropo". Ankaŭ ĉi tiu libro estas imitmodele verkita dulingve – en Esperanto kaj la Germana – kaj presita en paralelaj kolumnoj konforme al la rekomendo de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) San Marino, de kiu Selten estas honora senatano kaj kunfondinto de la germana apogasocio. La verko, kiu estas favorpreze havebla dum la 90a UK, argumentas por la enkonduko de Esperanto kiel neŭtrala komuna interkompreniĝlingvo de la Eŭropa Unio, dokumentas oficialajn lingvopolitikajn decidojn de diversaj internaciaj organizoj kaj avertas, ke krom la „konstruiva" neŭtrala solvo de la eŭropa lingvo-problemo ekzistus kiel pravigebla alternativo nur la „demokrata" solvo, uzi kiel komunan eŭropan lingvon sur la teritorio de EU centran kaj relative plejmultan lingvon, do la Germanan. AIS-prezidanto Helmar Frank estas kunaŭtoro de la libro, kiun eldonis Akademia Libroservo pere de la eldonejoj de IfK kaj IfB en Paderborn. La libro direktiĝas ne lastvice al politikistoj. AIS kaj Eŭropa Klubo sugestas donaci ĝin al influhavaj kultur- aŭ eŭropo-politikistoj kun akompana letero kaj dediĉaj aŭtogramoj de la donacanto kune kun la du aŭtoroj. Rekomendoj kaj aŭtogramoj haveblas ĉe la komuna giĉeto de AIS, Eŭropa Klubo kaj la Instituto pri Kibernetiko.

KN 1931

# KLERIGA LUNDO

**25 julio 2005**

*En Gotenburgo kaj Pekino, ni organizis en la kadro de la Universala Kongreso specialan kaj tre sukcesan klerigan tagon, en kiu okazis plej diversaj kunvenoj – pri la lingvo Esperanto, pri ĝia historio, pri la kongresa lando, pri novaj metodoj de informado, pri kiel organizi kongresojn, ktp. Multaj kongresanoj partoprenis (verŝajne eĉ plimulto de la kongresanoj), kaj sekve iris hejmen kun novaj ideoj kaj nova entuziasmo. En Vilno ni denove prezentas nian Klerigan Tagon. Ni invitas vian partoprenon....*

## Unua bloko: 9:00 – 10:30

**Literaturaj Skoloj**
Parolos Nikolao Gudskov, Arpad Mathé, Jacques Le Puil kaj Jean-Pierre Danvy.
9:00-10:30. Salono Grabowski

**Landaj Asocioj**
Diskutos Normand Fleury, Emile Malanda Nianga, Reza Torabi.
9:00-10:30. Salono Berthelot

**La Ŝanĝiĝanta Situacio en Internaciaj Rilatoj**
Parolos Wera Blanke, José Antonio Vergara, Jozef Reinvart.
9:00-10:30. Salono Lapenna

**La Lingvoj de Baltio inter la Lingvoj de la Mondo**
Parolos Marc Vanden Bempt, Brian Moon, Aida Čižikaitė, Madis Linnamägi, Humphrey Tonkin.
9:00-10:30. Salono Chen Yuan.

## Dua bloko : 10:45 – 12:15

**Informado: Pluraj Celoj, Pluraj Metodoj, Pluraj Rezultoj**
Parolos Renato Corsetti, François Bartsch, Aleksander Korĵenkov, Claude Longue-Epée, José Antonio Vergara, Etsuo Miyoshi.
10:45-12:15. Salono Lapenna.

**Redakti Revuojn: Kiel Fari kaj Kion Fari?**
Parolos Stano Marĉek, Doi Chieko, Georgij Kokolija, Paul Peeraerts.
10:45-12:15. Salono Berthelot

**Balta Literaturo en Esperanto**
Parolos Vytautas Šilas kaj Margarita Želve.
10:45-12:15. Salono Grabowski.

**Najbare al la Baltaj Landoj**
Parolos Barbara Despiney, Biruta Rozenfelde kaj Halina Gorecka.
10:45-12:15. Salono Chen Yuan.

## Tria bloko : 12:30 – 14:00

**Tradukado**
Parolos Istvan Ertl, Gerrit Berveling, Spomenka Štimec, Toon Witkam.
12:30-14:00. Salono Chen Yuan

**Kulturcentroj Esperantistaj**
Parolos Brian Moon, Andrzej Grzębowski, Zsófia Kóródy.
12:30-14:00. Salono Grabowski

**Esploriloj kaj Esplorejoj**
Parolos Endre Dudich, Tacuo Huĝimoto kaj Geoffrey Sutton.
12:30-14:00. Salono Lapenna

**Junularo tra la Jardekoj**
Parolos Syoerd Bosga, Hans Michael Maitzen kaj Humphrey Tonkin.
12:30-14:00. Salono Berthelot.

## Vetero en la kongresa semajno favoros

La lastan tagon antaŭ la komenco de la kongreso multajn gastojn seniluziigis litova griza ĉielo, foja pluvo kaj troa freŝeco. Tamen la veterprognozoj por la kongresa semajno favoros por distroj, ekskursoj kaj amikaj kontaktoj.

Pliboniĝo komenciĝis jam sabate. Pluvos malpli. Malgraŭ ke nuboj ofte kaŝos sunon, varmiĝos pli kaj pli. Ekde lundo temperaturo ĉiutage devus superi +25 gradojn kaj ĵaŭde jam atingi +30. Estu bone, se estu tiel, tamen en Litovio vetero ofte estas malfacile prognozebla.

**Foto de kongresano**




Fotis KN 1601

## NOVAJ ALIĜOJ

| | | |
|---|---|---|
| 2236 | | S-ino Auksė Karalienė, Gynėjų 4-39, Litovio |
| 2237 | | S-ro Romas Cibas, Luknių km., Utenos raj., Litovio |
| 2238 | | S-ino Vilija Kailiūtė, Plechavičiaus 4-51 Kaunas, Litovio |
| 2239 | | S-ino Joana Medeiso, Pergales 49 Grigaičiai Vilniaus raj. 11236, Litovio |
| 2240 | | S-ino Margarita Sibkova, Gelvonų 30-21, Vilnius, Litovio |
| 2241 | | S-ro Jonas Adolfas Vadminas, Prancūzų 51-22, Kaunas, Litovio |
| 2242 | | S-ino Alina Zuk, Vasaros 4-4 Vilnius, Litovio |
| 2243 | | S-ino Tatjana Žeberskienė, Žemynos 5-50 Vilnius, Litovio |
| 2244 | - | Roger Verhiest, Weirmanstraat 8 B2100 Antverpeno – Deurne, Belgio |
| 2245 | - | S-ino Tatiana Rudakova, Moskva 103045 Poslednij plr 20 – 2, Rusio |
| 2246 | geog-f | S-ro George Alan, 16 Toolara Circuit Forestlake Qld 4078, Aŭstralio |
| 2247 | - | S-ino Mary Dorothea, 16 Toolara Circuit Forestlake Qld 4078, Aŭstralio |
| 2248 | - | S-ino Catherine Reginato, 40, rue Canot 63000 Clermont Ferrand, Francio |
| 2249 | hpad-p | S-ro Hans Adriaanse, Lenculenstraat 2, Nederlando |
| 2250 | - | S-ino Maria Kordylewska, 1910 S. State Chicago IL 60616, Usono |
| 2251 | jhjz-t | S-ro Jesuo de las Heras Jimenez, Ap. 4461 ES30080 Murcia, Hispanio |
| 2252 | avkr-f | Aleksande Krasucki, UA- 04060, Ukrainio, Kijiv – 60 ul Kotovskogo 27, Kv- 13, Ukrainio |
| 2253 | - | Ljubov Krasucka, UA- 04060, Ukrainio, Kijiv – 60 ul Kotovskogo 27, Kv- 13, Ukrainio |
| 2254 | - | S-ro Valery Matjuskov, Koritskogo 66a Patomka Mins regiono, Belorusio |
| 2255 | - | S-ino Izabelija-Dailė Aleknienė, Dainavos takas 1, LT – 77146 Šiauliai, Litovio |
| 2256 | - | S-ro Ulf Beling, Erdbeeinbevg 55A 24837 Sehleswig, Germanio |
| 2257 | - | Esti Saban, Sederot Jerusalem 116/1 Jato, Israelo |
| 2258 | togr-e | S-ro Tron Ogrim, Trassoppvn 120, 0671 Oslo, Norvegio |
| 2259 | - | S-ro Ellen Aabo, Jerikovn 35 c, 1067 Oslo, Norvegio |

### Amasloĝejo invitas vin

Ĉiuvespere ni invitas vin post la UK-programo al amasloĝejo, kie okazas junulara programo: koncertoj de gitar- kaj rokmuziko, improvizaĵoj de ĵazo ktp.

**El la redakcio**

La redakcio kolektas viajn kontribuojn en la kesto ĉe la informejo kaj en la redakcia salono Rosbach. La redaktofino por la venonta numero estas dimanĉe je 16h00.

La kurieron oni povas legi en la PDF-formato ? http://esperanto.lt/board/zboard.php?id=kuriero.

Ĉi tiun numeron redaktis Choe Taesok, Mečislovas Grikpėdis, Reza Torabi, Vida Čojienė, Indrė Pileckaitė.



Bonveniga servo en la flughaveno

# Vilna Sonoro




## N-ro 3

**Lundo, 25-a de julio 2005**

| | | |
|---|---|---|
| Tage | +23 | +25 |
| Nokte | +12 | +14 |

Redakteja retadreso: **kuriero@esperanto.lt**

Kongresa Kuriero de la 90-a Universala Kongreso en Vilno, Litovio




Fotis KN 92

## Solena inaŭguro

Dimanĉe je la 10-a matene en salono Zamenhof (Siemens Arena) estis solene inaŭgurita la 90-a Universala Kongreso de Esperanto.

Por saluti kongresanojn ne venis la alta protektanto - Prezidento de Litova Respubliko Valdas Adamkus - tamen lian mesaĝon prezentis ministro pri eksterlandaj aferoj Antanas Valionis. Kongresanoj multe entuziasmiĝis per la salutvortoj de Vilna urbestro Artūras Zuokas, kiun li komencis kaj finis en Esperanto.

Reprezentantoj de pluraj ambasadejoj – ĉeĥa, belga, ĉina, japana, rusa, - famaj en Litovio kulturaj kaj sociaj agantoj ankaŭ honoris la kongreson. Estis legita la mesaĝo de la Ĝenerala Direktoro de Unesko Koichiro Matsura.

Junulara koruso "Brevis" amuzis kongresanojn per kelkaj litovaj kantoj kaj gvidis E-himnon tuj post la aro de salutoj de landaj delegacioj.

**KN 1273**

## Mesaĝo de Prezidento de Litova Respubliko Valdas Adamkus

Estimataj kongresanoj kaj gastoj,

mi sincere salutas partoprenantojn kaj gastojn de tiu ĉi Kongreso kaj ĉiujn esperantistojn de la mondo.

Litovio fieras, ke la ĉefurbon de nia lando vi elektis kiel lokon de via Kongreso. Veninte ĉe ni vi transformigis Vilnon al la ĉefurbo de tutmonda esperantistaro. Ankoraŭ pli agrablas, ke ĝi estas jubilea aranĝo – ĉijare estas festata la 100-a datreveno de la unua kongreso de Esperanto.

Estus malfacile trovi pli taŭgan lokon por la jubilea Kongreso ol Litovio. Ja en nia lando vivis kaj kreis eminenta Ludoviko Zamenhof. Ĉi tie li verkis la unuan Esperanto lernolibron kaj flegis la esperon kunigi homojn de la mondo. Litovio, kie ĉiam vivis kaj pace kunvivis diversaj popoloj, altestimas tiun ĉi eminentan nian samlandanon, kiu disvastigis ideojn de homara unueco.

Ni jam distancas je unu jarcento ekde la unua Kongreso de Esperanto. Tamen hodiaŭ ankoraŭ pli evidentas kiel aktualaj kaj vivaj estas ideoj de Ludoviko Zamenhof. Por la moderna mondo, kiu konfrontas kun pli gravaj globalaj defioj kaj kontraŭstaroj, estas eksterordinare grave, ke malsimilaj popoloj, religioj kaj kulturoj konservu sian identecon kaj samtempe ektrovu manieron de interparolado.

Vi, esperantistoj, sinsekve instigas tiun ĉi tipan por la 21a jarcento dialogon kaj popularigas demokratan internacian kunlaboron. Komunumo de internacia esperantistaro estas perfekta ekzemplo de solidareco inter homoj de diversaj nacioj. Via movado kontribuas al pliproksimigo de popoloj, instigas pli profunde koni kulturan diversecon.

Dum nunaj tagoj vi havos bonan eblecon ekkoni historion, kulturon, heredaĵon kaj morojn de Litovio. Ni ĝojas, ke ni povas vin gastame akcepti, montri originalecon de nia lando, prezenti trezorojn de nia kulturo.

Mi esperas, ke via gastado en nia lando estos interesa kaj vi spertos multajn agrablajn kaj neforgeseblajn momentojn.

Mi deziras al via Kongreso sukcesan laboron kaj kreivajn diskutojn!

Ĉion la plej bonan al vi!

## Mesaĝo de la Ĝenerala Direktoro de Unesko, Koichiro Matsura, okaze de la 90a Universala Kongreso de Esperanto en Litovio

Mi estas tre feliĉa sendi tiun ĉi mesaĝon al la 90a Universala Kongreso de Esperanto, kiu decidis tre oportune sian centjariĝon signi kaj simboli pere de interkultura komunikado.

Universala Esperanto-Asocio kaj ĝiaj regionaj asocioj nun havas komune kun Unesko 50 jarojn da fruktodona kunlaborado favore al kultura kaj lingva diversecoj. Plie, ekde 1997 tiu NRO havas organizajn rilatojn kun Unesko, tiel atestante la gravecon, kiun la Organizo donas al tia kunlaborado.

Esperanto, kiel ni scias, estas konstruita lingvo, kiu celas faciligi komunikadon inter homoj kun malsamaj lingvoj ĉie en la mondo. Tiu propono pri interkultura komunikado, malfermita al ĉiuj, estas plene moderna kaj resendas nin al la revo pri internacia konsento, rilate al komuna lingvo, unuiga kaj paca.

Oni nepre devas ĝoji pro via deziro faciligi kaj antaŭenigi, tute konforme kun la Universala deklaracio pri kultura diverseco akceptita de la Ĝenerala Konferenco de Unesko en 2001, la valorojn kaj principojn de kultura kaj lingva diverseco.

Efektive, Esperanto, kiu havas universalan kaj internacian celojn, estas unika ilo por kunligi kulturojn kaj lingvojn. Unesko, siaflanke, zorgas pri tio, ke la kultura riĉeco de la mondo, evidentigita de plureco de indentecoj ene de socioj, kiuj mem estas plurecoj, spegulu ĉiam renovigitan dialogan diversecon. Okaze de la centjariĝo de la Universala Kongreso de Esperanto, mi do invitas la partoprenantojn de la kongreso labori kun UEA kaj Unesko por antaŭenigi plurismon, el kiu fontos interŝanĝojn kreemo, kiu favoros kulturajn interŝanĝojn, kaj helpos la komunan kunvivadon de homoj kaj de grupoj kun malsamaj kulturaj identecoj.

Mi dankas al la Universala Kongreso de Esperanto, ke ĝi permesis nin kunligi al tiu okazaĵo kaj mi deziras al vi tre bonan kongreson.

## Parolo de la Vilna urbestro Artūras Zuokas

Bonan matenon. Mi scias, ke dum kunvenoj de esperantistoj taŭgus paroli en esperanto, sed hodiaŭ mi parolos litovlingve. Esperanto estis kreita en Litovio, kaj esence estas tio, ke en nia lando okazas Monda Kongreso de esperantistoj. Kaj por vi estas grave aŭdi la lingvon, kiu estis unu el fontoj de Esperanto lingvo kreinto…

Tial mi salutas en nia urbo Vilno ĉiujn, kiuj flegas la revon de mondo povanta interkompreniĝi per tiu ĉi unu lingvo. Vilno estas malfermita urbo, kaj estas preta akcepti novajn ideojn. Mi esperas, ke Vilno fariĝos urbo, al kiu vi ekvolos reveni denove kaj denove.

## ATENTIGOJ

**Nova kunsido**

Politologoj, sociologoj, fakuloj pri internaciaj rilatoj unuiĝu en FAKA ASOCIO!

Ni renkontiĝu por kunsidi ĵaŭde je la 12h45 en la salono Chen Yuan.

**KN 1358**

**Kleriga Lundo**

Unua bloko je la 09h00 – 10h30

Landaj Asocioj:

Emite Malanda Nianga ne atingis la kongreson.

Lin anstataŭas:

- Koffi Doumegnon
  (oficisto en la Afrika Oficejo de UEA)
- Mensah Agbemadon-Attiogbe
  (togolanda esperantisto aktiva)

**KN 83**

**Faka budo**

La faka budo estos je nia servo dum la tuta mardo. Efektive ĝi konsistos el du giĉetoj, por ke du Fakaj Asocioj povu deĵori samtempe, dum po tri horoj.

09h00 – 12h00 IKEF, ATEO
12h00 – 15h00 MSN, MELS,
15h00 – 18h00 AVE kaj IKUE

Kvankam la giĉeto estas "via", ĝi ankaŭ estas la giĉeto de Faka Agado ĝenerale, do povas okazi, ke venos reprezentantoj de Fakaj Asocioj, kiu ne mendis, sed volas iomete informiĝi, informi kaj renkonti la kongresanojn - estu gastamaj.

**KN 80**

**IKU-libro havebla**

Kiu dimanĉe aĉetis provizoran ekzempleron de IKU-libro, povas ricevi bonan ekzempleron en la kongresa Libroservo.

**KN 80**

**AIS-IKU-prelegoj en mardo**

AIS-IKU-prelegoj okazas en salono Poška
09h30-10h30 Švarcaitė pri Homa agado
11h00-12h00 Wandel pri la Lakta Vojo
14h00-15h00 Frank pri la Sibiua programo

### Junulara programo

**Filmo "La horoj"**

La 25an de julio, lunde je la 14a en prelegejo de la amasloĝejo Russ Williams montros filmon "La horoj". La horoj estas usona anglalingva filmo de 2002. Nicole Kidman rolas la aŭtorinon Virginia Woolf kaj gajnis Oscar-premion. La kortuŝa filmo enhavas tri rakontojn pri tri virinojn en malsamaj temoj. Ni montros la filmon kun Esperantaj subtitoloj.

# ANONCOJ

**Asocioj por la savo de la naciaj lingvoj en EU**

Eŭropa Klubo alianciĝis antaŭ 6 semajnoj kun la probable plej rapide kreskanta kultura asocio en Germanio, „Asocio (por la savo de la) Germana Lingvo“ (VDS). Fondita antaŭ apenaŭ pli ol tri jaroj de la profesoro pri statistiko en la universitato Dortmund, Walter Kraemer, la asocio intertempe jam havas preskaŭ 25.000 membrojn en Germanio kaj pluraj aliaj landoj eŭropaj kaj alikontinentaj. La asocio komencis sian agadon publike atakante famajn kulpulojn pri la enfiltriĝo de amerikanismoj en la germanan lingvon . La delegitarkonferenco de VDS, okazinta komence de la monato junio en Dresden, la unuan fojon pritraktis ankaŭ la lingvo-problemon en la Eŭropa Unio. La diskutbazo estis propono por „Deklaracio de Dresden“ verkita kaj prezentita de la honora prezidanto de Eŭropa Klubo, Prof.Dr.Helmar Frank. La estraro de VDS jam aprobis principe la deklaracion, publikigos ĝin en la asocia revuo, diskutigos ĝin tie dum unu jaro antaŭ la venantjara findecido, kaj intertempe strebas al efika kunlaboro kun Eŭropa Klubo kaj kun similcelaj asocioj por la defendo de la aliaj minacataj lingvoj de la Eŭropa Unio. Celo estas, kunordigi la fortojn por dise sed samsence pledi por neŭtrala eŭropa lingvopolitiko. Eŭropa Klubo serĉas la adresojn de ĉiuj kongresanoj, kiuj en siaj unuopaj lingvoregionoj pretas kunagi kun samcela, jam ekzistanta aŭ fondebla asocio. La „Deklaracio de Dresden“ estas dulingve publikigita en la ĵus okaze de la 90a UK aperinta libro de Nobelpremiito Prof.Selten kaj AIS-prezidanto Prof. Frank „Por dulingveco en Eŭropo“, havebla en la Libroservo. Pluan informon donas dumkongrese Eŭropa Klubo ĉe sia ĝiĉeto.

**KN 1892**

**Pentristoj**

Mi serĉas pentristojn, kiuj volas prezenti siajn pentraĵojn en galerio ADI ART en Pollando kaj galeriojn, kiuj volas kunlabori kun ADI ART

**KN 2296**

**Forpaso**

Mi bedaŭras, ke ni devas informi pri la forpaso de nia kara membro Anita Berg (KN 1163) en la 11a de julio, 2005.

**KN 154,155**

**LIONS klubaj membroj**

Vi estas invititaj al la renkontiĝo la 26-an de julio, marde, je la 18h00 ĉe la rendevua tabulo.

**KN 732**

**Somerkursaro en Aŭstralio**

Aŭstralia Esperanto-Asocio (AEA) invitas vin partopreni en la SOMERKURSARO kaj KONGRESO 2006 — de 15-a januaro ĝis 27-a januaro 2006.

Pli da informo troveblas ĉe
htp://www.esperanto.org.au/unua

**Tai Ĉi**

Vizito de A.Zuokas, urbestro de Vilno, en la Pekina UK estis ankaŭ fruktodona al urbanoj de Vilno.

Li invitis ĉinajn majstrojn instrui litovajn trejnistojn. Ekde majo oni povas praktiki mirindan sanigan sistemon eĉ en 11 diversaj lokoj dufoje ĉiutage. Ekscepto estas nur dimanĉo: nur 2 lokoj unufoje. Sed unu loko estas plej oportuna por kongresanoj – dekstre de la Blanka Ponto (Baltasis tiltas), dimanĉe, marde, ĵaŭde je la 9h00 kaj lunde, merkrede je la 19h00. Trejnado estas senpaga por ĉiuj volontuloj kaj daŭros ĝis la oktobro. Se vi volus fari Tai Ĉi en aliaj 10 lokoj, kontaktu KN 103.

**KN 103**

**Alvoko al niaj longatempaj esperantistoj**

Veteranoj? La vorto levas ĉe multaj homoj mensan bildon de medalportantaj maljunaj soldatoj. Sed la Veterana Esperanto-Klubo havas alian celon kaj alian konsiston. Rajtas membriĝi en VEK ĉiuj homoj, kiuj dum pli ol 40 jaroj jam estas esperantistoj, kaj kiuj interesiĝas pri sekurigo de la estonteco kaj kontinueco de nia lingvo kaj nia movado. Se vi troviĝas en tiu kategorio, venu **mardon je 12h30 al salono Grabowski**, kie sub gvido de Ulrich Lins kaj Humphrey Tonkin okazos re-fonda kunveno de VEK kaj diskuto pri ĝia estonteco. Lasu viajn medalojn hejme: kunportu nur viajn bonajn ideojn!

**KN 4**

**Getrikantoj**

Venu al la terminara forumo ĵaŭdon je la 11-a por lerni krei viajn proprajn desegnojn.

**KN 1430**

## Utila informo: Kiel telefoni?

Multaj kongresanoj interesiĝas, kiamaniere ili povus telefoni eksterlanden kaj kie troviĝas telefona aparato. Ni volas memorigi, ke unue necesas aĉeti telefonkarton en la hotela vendejo (07h00-20h00) malsupre ĉe la akceptejo. Prezoj de la kartoj varias - ju pli kosta, des pli longe vi povos paroli.

Blua telefonaparato pendas sur la muro ĉe la kongreseja enirejo. Por ekhavi internacian ligon necesas antaŭselekti 00. Kodojn de siaj landoj probable vi scias.

# NOVAJ ALIĜOJ

2260 S-ro Otto Daumer, D-99817 Eisenach/Turingujo, Germanio
2261 S-ino Siwon Park, 102-301 Hyunsung, Joinvin, Korea Respubliko
2262 S-ino Nijolė Sarafinienė, Saulės 39-8, Kaunas, Litovio
2263 ahus-c S-ro Marek Blahus, Rudy Kubička 1002, CZ-68605, Uherske Hradiste 5, Ĉeĥio
2264 S-ino Iraida Bondareva, str. Krasnoarmejskaja, 11-12 U.Sovetsko Kaliningrada Provinco, Rusio
2265 S-ino Maria Gutkowska, str. Sardynska 3/44 Varsovio, Pollando
2266 S-ro Eugeniusz Kybarczyk, Bispeparken 29-1 th, 2400 Kopenhago, Danio
2267 S-ino Maria Gulkowska, Pollando
2268 S-ino Anastasija Kostiučenko, Lentvaris Pakraščio g., Litovio
2269 S-ino Laima Bušaitė, Rucavas 24 LV-1046, Latvio
2270 S-ino Rūta Bušaitė, Rucavas 24 LV-1046, Latvio
2271 lmmm-b S-ro Lorcan Meanmain, 204 Bothar Sheinlasa Siezantrabn, Baile Atha Cliath 9, Irlando
2272 S-ro Dovydas Raila, Panevėžio raj. Vaivadų gyv. Ežerėlio 20, Litovio
2273 S-ino Elena Peredruk., Murmasi Murmanskoj, Tjagunnova 1/39, Rusio
2274 S-ino Nijolė Goštautienė, Eivunių 31-11, Kaunas, Litovio
2275 S-ino Miamaria Saastamoinen, Siukonlantie 97/12, 33470 Ylojarvi, Finlandio
2276 S-ino Gintarė Subačiūtė, Margirio 17-2, Panevėžys, Litovio
2277 S-ino Dovilė Bušmaitė, Šakinės 6, Panevėžys, Litovio
2278 S-ino Olga Marčiakova, Slovakio
2279 Kajetan Pyrzynski, Mekpin 53, 63-140 Dolsk, Pollando
2280 S-ino Eva Szczepanski, Belgio
2281 Christine Brucker, Germanio
2282 S-ro Abdul Salam, 5 Archana Corner Sahyadri Park, Salunke Vihar Road, Pune 411048, Barato
2285 S-ino Andrei Annarosa, Via nane 115 sarzana sp 19038, Italio
2286 S-ino Olga Petrovskaja, Brest. BY-224032, Partisanski pr. 20/3 – 56, Belarusio
2287 S-ino Palmira Amasienė, Litovio
2288 oles-a S-ino ester Olsen, Sentsumsvn. 15 ND-8646 Korgen, Norvegio
2289 S-ino Barbara Kruszewska, 19-300 etk woj. Polskiego 62a/9, Pollando
2290 hawn-g S-ro Maciej Wnuk, ul. Broniew-uepo-z Skiego 99m. 69. 01-876 Warszawa, Pollando
2291 S-ro Eniko Zengo Sereghy, 4400 Nyiregyhaz str. Dorsa 14.2/8, Hungario
2292 S-ino Silvana Lamberti,Via en. Gauro 14- Givlianova, Italio
2293 S-ino Rosanna Gentile, Via riccitelli 4- Givlianova, Italio
2294 S-ino Judit Horvath, srombathely wesselenyi n.2.t.2. h-9700, Hungario
2295 S-ino Asta Štaraitė, Vilniaus 42, Vilnius, Litovio
2296 S-ro Adam Kowalczewski, 93-431 Lodz Bilardowa15, Pollando
2297 Shigyoshi Miura, 1-13-16 # 1102 Nakatsu Kita Oosaka, Japanio
2298 S-ino Olga Goričenko, 184380 Mironova 18-51 Kola Murmanska reg., Rusio
2299 S-ro Savelij Goričenko, 184380 Pobeda 10-57 Kola Murmanska reg., Rusio
2300 pabo-c S-ro Patrick Boets, Meereigen 218, 2170 Merksem, Belgio
2301 S-ino Lisa Marketa Paatalo, Siikaxua 3, 93400 Taivalkaski, Finlando
2302 S-ino Sirkku Kaijala, Vaarajarventie 26c fi-93590 Vanhala, Finlando
2303 S-ro Stanislavo Stolz, Pollando
2304 S-ino Juan Sendra, Tormo 15-8a, Francio
2305 S-ino Annie Ducroix, Fr-81500 Belcastel, Francio
2306 S-ro Daniel Maynau, Fr-81500 Belcastel, Francio
2307 S-ro Stepan Zarina, Velika Gorica S. Kolara 27
2308 S-ino Aistė Kasparaitė, Statybininkų 7-22 Panevėžys, Litovio
2309 S-ino Jolanta Dumanskytė, Vivulskio 51-35, Vilnius, Litovio
2310 S-ino Diana Dumonskaja, Rūtų 8-2, Litovio
2311 S-ro Szynon Kotarbinski, Gorki 67a, Gorki, Pollando
2312 S-ino Judith Wickstrom-Haber, Weseler strasse17, Germanio
2313 S-ino Monika Baranauskaitė, Strazdo 75-14, Kaunas, Litovio

// Vilna Sonoro




N-ro 4
Mardo, 26-a de julio 2005

Tage +19 +21
Nokte +11 +13

Redakteja retadreso: **kuriero@esperanto.lt**

Kongresa Kuriero de la 90-a Universala Kongreso en Vilno, Litovio

## Mesaĝo de L. C. ZALECKI-ZAMENHOF

Sinjoro Prezidanto, gesinjoroj Honoraj Gastoj, estimataj Gekongresanoj, karaj Amikoj,

Mi ĝojas renkontiĝi kun vi en Vilno, urbo, ho, kiel ĝuste elektita rilate al la kongresa temo, urbo kie plurjarcentlonge pace kunvivas multnombraj kulturoj: la litova, la pola, la rutena, la juda kaj la karaima. Vilno, la ĉefurbo de iama grandduklando reginta sur larĝegaj teritorioj inter du maroj: la Balta kaj la Nigra. Vilno, ekde la dekkvina jarcento ĉefurbo de la litova parto de la Pol-Litova plurnacia respubliko, tiam unusola respubliko en la tuta Eŭropo (fakte la dua, konsiderante tiun de San Marino), pramodelo de la hodiaŭa Eŭropa Unio, pramodelo de la interkultura komunikado.

Ni festas hodiaŭ ĉi tie la centjaran jubileon de niaj universalaj kongresoj, kongresoj kiuj dum la pasinta jarcento al tiu interkultura komunikado daŭre kontribuadis. Permesu al mi, okaze de tiu jubileo, doni la parolon al mia Avo, kiu ĵus antaŭ cent jaroj la unuan Esperanto-kongreson inaŭguris. Mi ŝatus rememorigi tiamaniere kelkajn frazojn de li tiam esprimitajn:

Mi salutas vin, karaj samideanoj, fratoj kaj fratinoj el la granda tutmonda homa familio, kiuj kunvenis el landoj proksimaj kaj malproksimaj, el la plej diversaj regnoj de la mondo, por frate premi al si reciproke la manojn pro la nomo de granda ideo, kiu ĉiujn nin ligas… Tra la aero de nia salono flugas misteraj sonoj… ĝi estas la sono de io granda, kio nun naskiĝas. Tra la aero flugas misteraj fantomoj... ili estas imagoj de tempo estonta, de tempo tute nova. La fantomoj flugos en la mondon, korpiĝos kaj potenciĝos, kaj niaj filoj kaj nepoj ilin vidos, ilin sentos kaj ĝuos… Nun la unuan fojon la revo de miljaroj komencas realiĝi. En la malgrandan urbon de la franca marbordo kunvenis homoj el la plej diversaj landoj…, kaj ili renkontas sin… ne mute kaj surde, sed ili komprenas unu la alian, ili parolas unu al la alia kiel… membroj de unu nacio… Ni, membroj de la plej malsamaj popoloj staras unu apud alia ne kiel fremduloj… , sed kiel fratoj, kiuj ne altrudante unu al la alia sian lingvon, komprenas sin reciproke… Ni konsciu bone la tutan gravecon de la hodiaŭa tago, ĉar hodiaŭ inter la gastamaj muroj de Bulonjo-sur-Maro kunvenis ne francoj kun angloj, ne rusoj kun poloj, sed homoj kun homoj. Benata estu la tago, kaj grandaj kaj gloraj estu ĝiaj sekvoj!

Nun post cent jaroj pasintaj, mi insistu sur la graveco, daŭre aktuala, de tiuj ĉi vortoj. Ĉar la altrudo de lingvo de nacio pli forta al popoloj malfortaj daŭre minacas; altrudo, kiu riskas detrui la ekziston mem de multnombraj lingvoj nur de malgrandaj naciaj grupoj parolataj, tamen estantaj vehikloj de iliaj specifaj kulturoj. Dum kontraŭe: la lingvo neŭtrala. La dua lingvo por ĉiuj permesas komuniki respektante kulturojn plej diversajn, kies plurismo prezentas unu el la plej valoraj riĉecoj de homaro. Nia lingvo Esperanto servas komunikadon interkulturan, apogantan sur estimo reciproka. Kaj jarcentlonge la Universalaj Esperanto-Kongresoj pruvas al la mondo la eblecon kaj la atingojn de interkultura komunikado sur neŭtrala fundamento de egaleco kaj de toleremo.

Dum tiu nia jubilea jaro forlasis nin granda amiko de Esperanto, la Papo Johano Paŭlo. Ordeninte Lin siatempe per medalo de la Fondumo Zamenhof, mi prononcis al Li vortojn de mia Avo, antaŭ cent jaroj de Li verkitajn: kristanoj, hebreoj aŭ mahometanoj, ni ĉiuj de Di' estas filoj…, vortojn, kiuj perfekte aŭguris la ekumenan idealon de Johano Paŭlo, komunikadon interreligian, same sur fundamento de toleremo realigatan. Omaĝo al Lia memoro!

Karaj Geamikoj! Estinte malgranda knabo, mi salutis unuafoje, antaŭ sepdek jaroj, la Universalan Kongreson, parolinte en la nomo de la Familio Zamenhof. Dum la freŝdataj kongresoj, same dum hodiaŭa, mi salutas vin ĉiujn kiel unu grandan Zamenhof Familion; Familion ne nur interreligie kaj interkulture komunikantan, sed samtempe kreantan kulturon internacian, kulturon, bazitan sur nia lingvo kaj sur ĝia globa Interna Ideo. Ni ne ĉesu klopodi tiun nian familion daŭre larĝigi alcelante iĝi la kerno de "granda rondo familia", kiun "popoloj faros en konsento, komprenante unu la alian… ĝis la bela sonĝo de l'homaro por eterna ben' efektiviĝos"…



Fotis KN 92

L. C. ZALECKI-ZAMENHOF en la Inaŭguro





## RAPORTOJ

**Katamantoj**

La ĉi-jara kunsido de katamantoj allogis 68 entuziasmulojn, kiuj diskutis pri la danĝero de ĉokolado kiel kata nutraĵo, eblaj solvoj al gingivinflamo kaj la nun necesa pasporto por dorlotbestoj (katoj, hundoj kaj ĉasputoroj), kiuj akompanas sian posedanton ene kaj al Europa Unio.

Grandan aplaŭdon ricevis Marjorie Boulton, kiu alvenis kelkajn minutojn malfrue forkurinte el la Akademia kunsido por aliĝi al la ceteraj katemuloj. Ŝi impone fermis la kunsidon pri kortuŝega rakonto de vere okazinta katepizodo al kapitalisma katino de la Kurturrevolucia Ĉinio..

Fine la membroj aĉetis diversajn bildkartojn produktitajn de I. Nasholm (kiu ne povis veni al la UK, sed sendas salutojn) por Rondo Kato, belegajn broŝurojn pri kataj temoj faritajn de Jeanette Sidorak (plu aĉeteblan en la kongresa libroservo), kaj numerojn de Folioj de Katamikaro, la oficiala organeto de la asocio. La kunsidon gvidis Francisco Veuthey, mem redaktoro kaj kasisto de la asocio.

La ĝisnuna estraro estis elektita por plia mandato, kun Marjorie Boulton kiel prezidantino.

**KN 120**

**IKU-AIS inaŭguro kaj IKU 1**

Pli ol cent personoj partoprenis la inaŭguron de la 58-a sesio de la Internacia Kongresa Universitato. Ĝin malfermis UEA estrarano pri scienca kaj faka agado A.Wandel, kiu emfazis la gravan volon de IKU en la scienca apliko de esperanto. La IKU rektoro, prof. Gudavičius prezentis la dek prelegojn, okazontaj dum la UK kaj prof. Frank prezentis Akademion Internacian de la sciencoj.

Sekvis la unua IKU prelego de Prof. Martzen kaj prof. Wandel pri la temo „La Lakta Vojo — nia hejmo en la Universo", kiu prezentis per multaj bildoj la esploron kaj strukturon de nia galaksio.

La daŭrigaj prelegoj de tiu AIS-IKU kurso okazos marde kaj ĵaŭde je la 11-12 horo en la planetario, apud la kongresejo.

**KN 80**

**Kleriga Lundo: landaj asocioj**

Ĉu necesas landa asocio por landa agado. Jen demando, kiu pendis ĉe la prezento de 3 landaj asocioj el malsamaj mondregionoj, nome, Kanado, Irano kaj Togolando.

La kunsidon partoprenis kvindeko da kongresanoj, kiuj plenigis la salonon Berthelot. Ni povis ĝui la spertojn pri Kanado, kie pro landvasteco la movado organiziĝis ene de pluraj enlandaj asocioj, kiuj aktivas je regiona nivelo.

La spertoj de Togolando kaj ligoj kun najbaraj landoj tra la Afrika Oficejo ankaŭ vekis plurajn demandojn de kongresanoj pri fortoj kaj mankoj.

Aliflanke, la prezento de Irano evidentigis, ke la iranaj esperantistoj jam havas pli maturan landan asocion. Oni aŭdis pri la irana gazeto, la projekto lingvo de paco kaj motivoj por lerni Esperanton en Irano. Kiel konkludo, el la debato estriĝis la konvinko, ke ni bezonas landajn asociojn por pli efika kaj planita agado. Kaj aparte bezonatas, ke la landaj asocioj estu pli fortaj.

**KN 79**

**Varma Familia Forumo**

Pli ol kvindek kongresanoj vigle diskutis multajn aspektojn de la generacia disdivido de la E-movado kaj aparte de la partoprenantoj en la UK. Gvidis UEA-komisiito pri Rondo Familia, Amri Wandel.

La partoprenantoj de la Forumo opiniis, ke necesas investi pli da atento por la vartado de infanoj dum la UK. Oni konstatis, ke jam bone funkcias la Internacia Infana Kongreseto, sed nur por infanoj pli aĝaj ol 6.

Ankaŭ la junula programo dum la UK estas grava kaj daŭriginda. Oni plue diskutis la rolon de la bulteno Familia Esperanto kaj multe subtenis plu eldoni ĝin en papera formo, paralele al eventuala reta eldono.

La partoprenantoj multe parolis pri spertoj de denaska edukado de infanoj en Esperanto kaj pro mallongeco de la tempo sugestis daŭrigi la viglan diskuton rete – ekzemple en la ret-listo denaske-l

**KN 80**



### Rezultoj de ILEI-ekzameno

En la antaŭtesto de la Internaciaj Ekzamenoj sukcesis en la elementa nivelo

J. Juan Sendra, Le Thi-Thien-Thu, Remy Sproelants;

kaj en la meza nivelo Inge Bartling, Rafael Blanco Arbe, Alfred Heiligenbrunner, Vratislav Hirŝ, Terumi Honda, Kazuko Kikusima, Tomaz Longyka, Armando Mantilla, Martin Minich, Loj Timke.

La sukcesintoj rajtas fari la skriban parton de la ekzameno.

**Atilio Orellana Rojas**





## ANONCOJ

**Aldona ekskurso E5** (Antikvaj ĉefurboj de Litovio)
Ekskurso okazos en la 27 julio.
Daŭro: 9:00 – 18:00; kosto: 41 EUR.
Registrado komenciĝas je la 10h00 ĉe la informejo

**Tradukintoj de "La Zamenhof-strato"**

Ne forgesu, ke hodiaŭ, marde, la 26an de julio, je la 16h30 en la libroservo okazos renkontiĝo kun la aŭtoro kaj eldonistoj de la libro en pluraj landoj.

Ni ĝojas vidi unu la alian! Pro teknikaj kaŭzoj antaŭe planita kroma renkontiĝo en la hotelo "Ecotel" la 28-an de julio (je la 18h00) NE OKAZOS.

**KN 109**

**Aldona programero:**
**AIS kun Eŭropa Klubo presentiĝas**

Mankas programero en la Kongresa Libro sur paĝo 27: ĵaŭdon posttagmeze, de 17a ĝis 18a horo prezentiĝos en la salono Lambda (Dambrauskas) AIS kune kun Eŭropa Klubo kaj tri aliaj, kun ili kunlaborantaj organizoj, nome TAKIS, t.e. la Tutmonda Asocio pri Kibernetiko, Informadiko kaj Sistemiko, Akademia Libroservo pere de IfK-Verlag, t.e. la eldonejo de la Instituto pri Kibernetiko Berlin & Paderborn, kaj ALEUS, t.e. la Laborrondo pri Liberala Eŭropa Lingvo-Politiko. Inter la fakaj budoj sur paĝo 42 samkiale mankas la komuna giĉeto de AIS kaj ĝiaj menciitaj kunlaborantaj organizoj. La giĉeto troviĝas apud la enirejo al la Libroservo. Tie kaj dum la ĵaŭda sinprezentado eblas informiĝi pri kaj aliĝi al la venantaj Sanmarinecaj Universitataj Studadsesioj (SUS) kaj aliaj konferencoj kaj projektoj de la kvin organizoj. Haveblos tie ankaŭ aŭtogramoj de profesoroj Selten kaj Frank en ilia ĵus aperinta dulingva libreto „Por dulingveco en Eŭropo“.

**KN 1931**

**Kunsido: Legantoj de EPĈ**
Ĵaŭdon, 28an Julio, 14h00-14h45, Salono Chen Yuan

**Aŭtograma duonhoro ĵaŭdon**

Nobelpremiito prof. d-ro Reinhard Selten disponiĝos ĵaŭdon, de la 11h00 ĝis la 11h30, ĉe la giĉeto de AIS kaj Eŭropa Klubo por doni aŭtogramojn en siajn Esperantlingvajn librojn haveblajn en la Libroservo.

**KN 208**

**Barbara Despiney ĵaŭdon**

Barbara Despiney, ne povinte partopreni en la Kleriga Lundo, parolos pri ekonomio de la regionoj en sia prelego ĵaŭde je la 11a en Salono Grabowski.

**Postkongresa ekskurso al Kaliningrado**

La ekskursontoj kunvenos ĵaŭde post "Legantoj de La Ondo de Esperanto". (Salono Grabowski, 13h00-13h45)

**KN 261**

**IPTEA informas**

Eblas organizi viziton al la Centra Poŝto de Vilno kaj Terminalo ĵaŭdon aŭ vendredon. Por organizi transporton ni devas scii la nombron de la dezirantoj. Bv. Turniĝi por pli da informo al s-ro Algimantas Piliponis.

**KN 108**

**Poŝtmarka ekspozicio**

La tutan monaton en Vilnius estas eksponata E-ekspozicio de poŝtmarkoj en la Centra Poŝtejo en Gedimino avenuo. Ĝia aŭtoro estas litova esperantisto Marius Dyglys. Bonvolu viziti!

**KN 2063**

**Verkantoj, legantoj!**

Esperantlingva Verkista Asocio invitas ĉiujn interesatojn al sia publika kunsido vendrede, la 29an de julio je 16.00 en Salono Skūpas (Spomenka Stimec, Istvan Ertl)

**Bonvenon al ŭonbulismo**

Esperantistoj de ŭonbulismo, koredevena religio, kies E-movado ĉi-jare havas la 25-jaran jubileon, debutas en la jubilea UK per sia faka kunsido. Interesiĝantoj bonvenas. Salono Grabowski, 09h00-10h30, vendredon, la 29-an de julio.

**KN 1923**

**Venu kaj malkovru Grezijonon!**

Oni diras Gresillon en la franca aŭ Grezijono en Esperanto. Ĝi situas en Francio, ĉirkaŭ 300 km for de Parizo en belega turisma regiono de la Luara Valo, fama pro ĝiaj kasteloj kaj bonegaj vinoj.

Grezijon estas kulturdomo de Esperanto, fondita antaŭ 50 jaroj kiel kooperativa asocio. Ĝi posedas kastelon kaj grandan parkon (18 ha). Dum julio kaj aŭgusto ni organizas somerajn staĝojn, diversnivelajn kursojn, prelegojn, atelierojn, ekspoziciojn, ktp. Ni cetere luas la bienon (preferinde al E-asocioj) por ĉiaspecaj eventoj. Ekzemple, freŝdate okazis REF (Internacia Renkonto de E-familioj) kaj la kongreso de Esperanto-Francio. Surloke oni loĝas en la kastelo mem aŭ oni tendumas. Vizitu nian retejon: http://www.gresillon.org.

N.B. Vidu la malantaŭan koverton de la jarlibro 2005 pri 3 konstantaj E-Centroj en Francio.
M.C.E. Gresillon, 49150 BAUGE- FR , Tel: 33(0) 241 89 10 34

**Diskoteko en la amasloĝejo**

Ĉiuvespere je la 21a horo nepre venu al la Granda Salono de la amasloĝejo, kie vi aŭskultas bonan muzikon, renkontos gajan popolon kaj ĝuas internacian akompanon.





## NOVAJ ALIĜOJ

2314 S-ro Jozefo Baksa, 8900 Zalaegerszeg Kosztolany i ter 21A, Hungario
2315 S-ino Angela Sorosina, V.S. Ambrogio 16, Bergamo, Italio
2316 cbru-s S-ino Christine Brűcker, Gablenz str. 44a, DE-47059 Duisburg, Germanio
2317 S-ino Valeria Cvetkova, Kalovski pr. 60-91, S-Peterburgo, Rusio
2318 S-ino Heidi Bartsch, Alpe Du Tocou 38930 Lalley, Francio
2319 S-ro Jean Bartsch, Alpe Du Tocou 38930 Lalley, Francio
2320 mtim-u S-ino Mara Timermane, Kr. Valdemara 145-32, Latvio
2321 rthl-t S-ro Eddy Raats, Volhardingsstr 79, B 2650 Edegem, Belgio
2322 pape-f S-ro Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
2323 worz-i S-ino Christina Schwarzenstein, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
2324 kune-n S-ro Kunio Ueki, Hinode-tyo 27-3-1026, Adati-ku, Tokyo, Japanio
2325 S-ro Davon Stimec, Schrottova 35, Zagreb, Kroatio

**Forfalintaj numeroj en Vilna Sonoro N-ro 2**
2229 stma-a S-ro Stano Marcek Zvolenska 15, SK-036 01 Martin, Slovakio
2230 acas-t S-ro Augusto Casquero da la Cruz, Avenid Burjastok 29, A-31 46009 ES
2231 mmvi-j S-ro Masuekama Mamvidila, 32 avenue Niolu c/ kasa vubu, B.P., Kongo
2232 mnal-x S-ino Mona Maleo, 6 avenue Madimba c/ kitambo, Kinshasa CD
2233 mpmk-a S-ro Makambo Mpoyi, 9 avenue Gombi c/ Nagaliema, Kinshasa CD
2234 nnzu-g S-ro Nzungu Ndelo, 2 avenue Kingic/ mont Ngafula, Kinshasa CD
2235 ksnw-j S-ino Krystyna Worobiej, Gubinos E. Plater 12c/15 66-620 Gubin, Pollando

**Korekto**
2303 Pastro Stanislavo Stolz, ul. Zwycienstwa 6, PL-64-730 Wielen, Pollando

**Serĉas!**
Perdita de nia giĉeto — valora bunta skatoleto, kiu enhavis belajn DVD-diskojn de la tre furora kaj amuza filmo “Pasporto al la Tuta Mondo”. (Eble tial estas, kial ĝi malaperis?) Do, se hazarde iu prenis tiun akcidente (aŭ ne akcidente), ni petas, ke vi revenu al nia giĉeto kaj redonu — ni donos al vi rekompenson grandan. Se vi ne prenis tion, vi ankoraŭ rajtas havi vian propran DVD-aron kontraŭ la speciala kongresa prezo de 65 eŭroj (subskribite de la Familio Bonvolo).

**Libera Folio**
La reta bulteno Libera Folio strebas ĉiutage amplekse prilumi la okazaĵojn de la Universala Kongreso. Por tio ni bezonas vian helpon.
Sendu al ni viajn impresojn pri la kongreso! Eĉ kelkvortaj telefonmesaĝoj povos utili. Fotoj estas tre bonvenaj. Telefonmesaĝojn sendu al: +46-70-3780890. Retpoŝton sendu al redakcio@liberafolio.org.
Liberan Folion vi povas legi ĉe
http://www.liberafolio.org.

**Kalle Kniivilä**

**Postkongresa ekskurso P3**
Estas mendebla por 1 aŭ 2 personoj.
Kontaktu KN 1237

**Aliĝu al la busa karavano al IJK!**
Rapidu! Restas ankoraŭ lokoj en la buso al IJK, sed malpli ol 20.
Informiĝu ĉe la TEJO-budo, vidu la anoncon en la inform-tabulo, pagu al Jolanta Dudenaite (KN 101) aŭ en la kongresejo aŭ en la amasloĝejo.
Se vi jam mendis lokon en la buso, limdato por pagi estas: 29-a de julio.
Prezo: 68 lidoj (20 EUR) . Se vi ankoraŭ ne mendis, limdato por pagi estas 26-a de julio.
Prezo: anoncota. Marde eblos trovi Jolanta en la Babilejo Juneco amasloĝeje 08h-18h.

**Merkrede ne aperos Vilna Sonoro.**

### Plej maljuna kongresano



Fotis KN 92

Ni serĉas la plej junan junulon! S-ro Edvard Philip Ockey (KN 938) el Shropshire, Britio, la 10-an de julio gaje kaj junule festis sian 92-jariĝon. Nian redakcion li vizitis kun nepino Kirsty Margaret Golding (KN 942).

Vilna Sonoro

KONGRESO de ESPERANTO 90a UNIVERSALA VILNIUS 2005

N-ro 5
Ĵaŭdo, 28-a de julio 2005

Tage +23 +25
Nokte +13 +15

Redakteja retadreso: **kuriero@esperanto.lt**

Kongresa Kuriero de la 90-a Universala Kongreso en Vilno, Litovio

## NOVAJ HONORAJ MEMBROJ

Kiel honoraj membroj de UEA povas esti elektataj esperantistoj, kiuj faris elstarajn servojn al la tutmonda Esperanto-movado.

Dum sia unua kunsido sabate la Komitato de UEA aljuĝis tiun ĉi titolon al ok esperantistoj. Ili estas:

Roman DOBRZYŃSKI el Pollando, konata kiel televida ĵurnalisto, redaktoro de "Kontakto" kaj aliaj Esperanto-revuoj, kaj iama vicprezidanto de UEA.

Ursula GRATTAPAGLIA el Brazilo, longtempa komitatano kaj iama estrarano de UEA, kiuj jam pli ol 30 jarojn funkciigas kun sia edzo la bienan lernejon „Bona espero".

Heta KESÄLÄ el Finlando, longtempa aktivulo de la finna movado kaj ĉefdelegita de UEA. Ŝi venis al Vilno por tiu ĉi UK, sed malfeliĉe devis esti enhospitaligita, pro kio ŝi ne povas esti kun ni hodiaŭ. Ni deziras al ŝi rapidan resaniĝon kaj revenon al nia kongreso.

Boris KOLKER el rusio, nun vivanta en Usono, eminenta aktivulo de la movado en Sovetunio kaj Rusio, aŭtoro de la sukcesa legolibro "Vojaĝo en Esperanto-lando", kies tria eldono estis lanĉita hieraŭ en tiu ĉi UK.

Telesforas LUKOŠEVIČIUS el Litovio, aktiva pedagogo, kiu jam pli ol 40 jarojn gvidis Esperanto-kursojn kaj fervore informis pri Esperanto.

Pastro Duilio MAGNANI el Italio, kiu estis longe prezidanto de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista, atingante, interalie, oficialan agnoskon de la Sankta Seĝo por IKUE kaj la uzadon de Esperanto en la kristnaskaj kaj paskaj salutoj de la Papo.

Stevens NORVELL el Kanado, kiu precipe aktivis en la medicinaj rondoj kaj multe kontribuis al la evoluigo de la medicina terminologio.

Andrzej PETTYN el Pollando, unu el la plej konataj voĉoj en Esperantujo pro multjara laborado en la Esperanto-redakcio de la Pola Radio, aŭtoro de multaj lernolibroj kaj iama estrarano de UEA.

**Varmajn gratulojn al la novaj Honoraj Membroj!**

## Mesaĝo de la Ambasadoro de Israelo por Litovio kaj Latvio, Gary Koren

S-ro Prezidanto! Estimataj gastoj! Karaj amikoj!

Mi volus danki pro via invito al la Inaŭguro de la kongreso, sed mi devas apologii, ke kaŭze de mia foriro al Jerusalemo, ne eblos al mi veni al Vilno.

Kiel israela ambasadoro kiel judo, mi havas en mia koro varman lokon por fama Litvano-kuracisto — la kreinto de Esperanto — d-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof. Mi ne estas tute certa, kiuj estis estis liaj motivoj, kiam li konceptis la ideon pri evoluigo de tute nova lingvo, sed estas tute evidente, eĉ nuntempe, en tiu ĉi moderna epoko de komunikado, ke manko de komunikado estas unu el la ĉefaj fontoj de miskomprenado kaj konflikto en homa socio.

Kiel diplomato laborinta en la Unuiĝintaj Nacioj, mi povas facile aprezi la avantaĝojn, kiujn Esperanto, kiel neŭtrala internacia lingvo, povus provizi, ŝparante egajn monsumojn bezonatajn hodiaŭ por traduki ĉiujn deklarojn kaj dokumentojn en la 6 oficialajn lingvojn de la Unuiĝintaj Nacioj, sen mencii la budĝeton asignitan fare de la Eŭropa Unio por traduko de ĉiuj siaj dokumentoj en ĉiujn 20 lingvojn de la membroŝtatoj.

Mi ŝatus deziri al vi fruktodonan kaj inspirantan konferencon kaj ĝui vian restadon en Litovio – lando tiom amata kaj admirata de Zamenhof.



Fotis KN 92

*Publika kunsido de Akademio de Esperanto*

## RAPORTOJ

**La movada parlamento eklaboris**

La Komitato de UEA havis sian unuan kunsidon sabate posttagmeze, kaj laboris efike kaj glate dum kvar horoj sub gvido de la prezidanto Renato Corsetti. La komitato konsistas el reprezentantoj elektitaj de la landoj kaj fakaj asocioj, reprezentantoj elektitaj rekte de la individuaj membroj de UEA, nombro da alelektitaj membroj, kaj kelkaj observantoj. Tie ĉi oni alelektis tri komitatanojn: Julien Hernánder Angulo el Kubo, Philippe Chavignon el Francio kaj Edvige Tantin Ackermann el Italio.

Kiel elektoprepara komisiono por prepari la elekton de estraro en la jaro 2007, la komitato elektis Lee Chong- Yeong el Koreio, István Ertl el Luksemburgio, Edvige Tantin Ackermann el Italio kaj Janez Jug el Slovenio.

Pri elekto de honoraj membroj, legu en la aparta artikolo de ĉi tiu numero.

La Komitato traktis la estraran raporton pri 2004, kiu estis publikigita en la junia numero de Revuo Esperanto, kaj akceptis ĝin, kaj same pri la speckonto kaj bilanco pri 2004.

Dum la kongreso, la Komitato laboros en ok subkomitatoj kaj unu aparta komisiono. Poste okazos plenkunsido vendrede matene por finaj decidoj.

**KN 84 , KN 87**

**Eŭropo-Demokratio-Esperanto**

Dimanĉon por la kunveno de E.D.E. (Eŭropo-Demokratio-Esperanto) la salono estis plenplena. Oni resumis la agadon de 2003 ĝis la eŭropa baloto de 2004 (la 13-an de junio en Francio). En 7 el la 8 francaj regionoj ni partoprenis. Sen sperto, sen subteno, sen mono, manoj, fortoj…ne eblis! Tamen ni faris, malgraŭ kritikoj de tiuj, kiuj poste konstatis la profiton por Esperanto en Francio. Sed Francio estas nur unu el la 25 landoj de Eŭropa Unio. Do, nuntempe, ĝis la venonta baloto en 2009, urĝas, ke ĉiuj, laŭ la propraj reguloj de sia lando, partoprenu: por konsciigi civitanojn pri lingvaj rajtoj, kaj… monaj problemoj! Por diskonigi Esperanton kaj profiti el tio. Por ke finfine Eŭropa Unio serioze studu Esperanton kiel komuna, justa solvo.

Prenu dokumenton en nia budo. Partoprenu en la "Somera Universitato". Kontaktu nin.

**KN 484**

**Landaj Asocioj kaj Regionaj Komisionoj**

En plenplena salono Grabowski okazis la kunsido, kiun partoprenis pli ol 60 geesperantistoj, aktivuloj en landaj asocioj kaj regionaj komisionoj de UEA.

Raportis reprezentantoj el Kaliningrado, Rusio, Britio, Danio, Hispanio, Armenio, Brazilo, Nov-Zelando, Japanio, Israelo, Kroatio, Kubo, Rumanio kaj Latvio, nome reprezentanto de la blindula organizaĵo en tiu lando. Aparte estis raportoj pri la agado de la komisionoj en Ameriko, Oceanio kaj Azio. Malgraŭ tempomanko por debato, la kunsido donis la okazon aŭdi freŝajn raportojn pri agado kaj rezultoj de la diversaj landaj asocioj kaj komisionoj.

**KN 79**

**Spertjardekoj de junulara seriozemo**

Kvin el la kongrese ĉeestantaj eksprezidantoj de TEJO partoprenis la kleriglundan eron Junularo tra la jardekoj. La spertoj prezentitaj de ili kaj de aliaj iamaj junularaj aktivuloj formis bildon de serioza junularo, kiu daŭre kontribuas per aktualo kaj seriozo.

Ivo Osibov, unuafoje en IJK1959, poste estrarano kaj fine prezidanto ĝis 1968, rememorigis pri la tiamaj malfacilaj politikaj kaj financaj kondiĉoj. Gravaj estis la seminarioj por junularaj gvidantoj. La pionira organiza kontribuo de la frue mortinta Marek Pietrzak donis novan planitecon. Pinta por la eksteraj rilatoj estis seminario plurlingva, kun bone funkcianta samtempa interpretado, kie pluraj junularaj organizaĵoj diskutis siajn prilingvajn spertojn.

Dum periodo de politika aktiviĝo prezidis Hans Michael Maitzen (1968-1969) kaj Humphrey Tonkin (1969-1971). En la nova UK-libro homoj kun homoj legeblas i.a. pri italaj marksistoj skandalantaj en IJK, ofendiĝoj de Ivo Lapenna, TEJO-fajfoj en UEA-komitato … TEJO-paradigmŝanĝojn signis la socipolitikan deklaracion de Tireso 1969 kaj, denove, 11 jarojn poste, la manifesto kaj diskutresumoj de Raŭmo. Amri Wandel (1981-1983) atentigis pri la interna fortiĝo kun instigoj al landaj sekcioj, interalie la ekesto de la japan-koreaj renkontiĝoj.

Sjoerd Bosga (1999-2001) ĝojis pri la ebligo de perspektiva rigardo pri junulara agado dum la UK. Gravas intergeneracia dialogo. De sia TEJO-periodo li aparte menciis la senantaŭjuĝan utiligon de interreto kaj la kvalitajn seminariojn ebligitajn de la eksteraj rilatoj de TEJO. La rilatojn inter la UEA- kaj TEJO-estraroj li taksis sufiĉe bonaj, sed konstatis, ke estis problemoj pro la neatento al TEJO-aferoj en la Centra Oficejo.

La nuna ĝenerala sekretario de TEJO, Aleks Kadar, invitis al la TEJO-budo kaj invitis la patronojn al akcepto kaj instigis pliajn plenkreskulojn aliĝi al la TEJO-rondoj kiel patronoj.

**KN 478**

**El la junulara programo en la amasloĝejo:**

**Ne okazas "Nokta Spirita Teatro" anoncita ĵaŭde vespere je la 23a horo.**

## ANONCOJ

**Rotarianoj en ĵaŭdo**

Rotarianoj esperantistaj renkontiĝos ĵaŭdon je la 17a horo kun lokaj rotarianoj ĉe la akceptejo de hotelo Reval (teretaĝe).

**KN 215**

**Refondiĝos la asocio de E-ĵurnalistoj**

Ĵurnalistoj, redaktoroj de esperantaj gazetoj kaj aliaj interesantoj, bonvenon al refonda kunsido de asocio de esperantistaj ĵurnalistoj (TEĴA) vendrede matene je la 9-a horo al salono Deŝkin.

**KN 183**

**AERA radioaŭskultantoj,**

La deĵorantaj dum la 90-a UK en Vilno redaktoroj de la Esperantlingvaj programoj de ĉina, kuba kaj pola radioj kore invitas por la vendreda renkontiĝo ĉiujn radioaŭskultantojn kaj simpatiantojn de la Esperantlingva radiofonio. Kunportu viajn rimarkojn kaj opiniojn, proponojn kaj sugestojn. Anticipan dankon! La renkontiĝo okazos en la salono Berthelot je la 11h00.

**KN 2040**

**Ek al refortigita Esperanta skoltaro**

Skolta Esperanto-Ligo invitas al Grabowski vendrede je la 11h00. Estos interalie ekspozicieto pri SEL-gazetoj kaj insignoj, enkonduko pri la nuna situacio de SEL, elekto de nova Centra Komitato, diskuto pri la en 2007 okazonta Monda ĵamboreo en Brownsea Island, Anglio.

**KN 482**

**Ĝemelurbaj kontaktoj per Esperanto**

Tiuj, kiuj interesiĝas pri partnerurbaj kontaktoj estas invitataj rendevui ĵaŭde je la 18-a horo ĉe la enirejo al la libroservo.

**KN 1221, 1222**

**Propono por komuna foto**

Ĉu vi loĝas proksime aŭ en la urboj BAMAKO (Malio), OSNABRUCK (Germanio), PISA (Italio), VESPREM (Hungario), WIGAN (Britio)? Tiuj urboj estas ĝemelitaj kun ANGERS (Francio). Kontaktoj estas bonvenaj por foti grupon. Ĝis baldaŭ!

**KN 1292**

**Pri Lidia Zamenhof**

Publika prelego pri Lidia Zamenhof okazos enkadre de la bahaa fakkunsido, ĵaŭdon je la 15h30 en salono Berthelot. La jaro 2004 markis la 100an datrevenon de la naskiĝo de Lidia. La plej juna Zamenhof infano. Estas nun preparata ampleksa kolekto de ŝia originala verkaro kaj krome biografio. Prelegos Bernhar Westerhoff, sekretario de Bahaa E-ligo.

**KN 1482**

**ASLE – Asocio de sociallaboristoj esperantistoj**

Vendrede la 29-an de Julio je la 13h45 en salono Deŝkin okazos prelego pri sociala laboro en Litovio.

Poste sekvos diskuto pri nia estonta faka laboro. Ĉiuj interesuloj estas bonvenaj!

**KN 1176**

**Pri Boulogne 2005**

Al ĉiuj kongresanoj, kiuj legis la Bulonjan rekomendaron, kaj kiuj sciu, ke ĝi estis – laŭ franca versio – unuanime alprenita de la urba konsilio de Bulonjo-ĉe-Maro kaj sendita al multaj ŝtataj instancoj kun komentoj favoraj al Esperanto.

Al tiuj, kiuj partoprenis la renkontiĝon Boulogne 2005 kaj povis konstati la efikan helpon de la urbestraro kaj de la municipo de Bulonjo-ĉe-Maro.

Al tiuj, kiuj aŭdis eĥojn pri tiu renkontiĝo.

Eblas sciigi dankemon al la Bulonja urbestro pri ties agado.

Eblas ja: a) preni slipojn de dankmensaĝo ĉe la redakcio de Vilna Sonoro; b) redakti en Esperanto mallongan dankmesaĝon al la urbestro de Bulonjo; c) lasi ĉe la redakcio. Viaj mesaĝoj estas kolektitaj, tradukitaj en la francan, kaj senditaj al la urbestro.

**KN 912**

(sekretario de la organiza komitato de Boulogne 2005)

### Infanoj kunestas fore



Dum kongresanoj UKumas, en arbaro norde de Vilno, 39 infanoj kaj 8 gvidantoj ĝuas apudlagan restadon en la 36-a Internacia Infana Kongreseto. Ĉiutage ili kantas, orkestras, sportas, ludas, naĝas kaj promenas. La lingve malpli fortaj ricevis paroligajn horojn, ĉiuvespere dezirantoj aŭskultas rakontojn. Apartaĵoj estis vizito de 50-kapa pola kanta-danca grupo, akvobiciklado kaj vespera fajro. Pli ol duono de la infanoj venas el E-familioj, do la lingva nivelo estas plejparte bona – des pli ke la infanoj venas el 13 landoj, inkluzive de foraj, kiel Kazaĥio, Japanio kaj Kanado.

**SMG + NS**

## NOVAJ ALIĜOJ

2326 S-ino Natalja Parŝina, ul. Maržala-Zahkarnova 30-1-381, Sankt-Peterburg 198332, Rusio
2327 srnn-n S-ro Nikolao Griŝin, Brivibans str. 27-11, LV-3600 Ventspils, Latvio
2328 S-ro Tihomir Louric, Aleja S. Bune 42, 10000 Zagreb, Kroatio
2329 S-ro Linas Vaštakas, Pilėnų 3-23, Kauno raj., Akademija, Litovio
2330 S-ino Olga Skroć, Kroatio

**Partoprenu, kontribuu Junularan Programon!**

Ni ege invitas ĉiujn junajn (en koro) kongresanojn partopreni en la Junulara Programo.

Ĵaŭde:

Dumtaga programo (ekde la 14-a horo) estos farado de ĉielarko.

Je la 16.00-a horo komenciĝos komuna verkado de E-kanto kaj preparado por la lasta vendreda vespero. Tuj poste (je la 17.00 horo) ni invitas vin partopreni kurson de litovaj popolaj dancoj.

Vespere ekde 21.00 horo estos koncerto de grupo Pichismo kaj poste…

Diskoteko!!!

**Karavano al IJK**

Partoprenantoj rapidu pagi ĝis la 29-a de julio al Jolanta Dudėnaitė (KN 101) en la oficejo de la amasloĝejo (Konstitucijos av. 11). Se vi ne pagos, vi perdos lokon. Se vi aliĝis sed decidas ne veturi, ankaŭ informu.

**KN 101**

**Forestanto salutas**

Carla de Lorenzi (KN 1637) devis lastmomente nuligi sian partoprenon pro malsano de sia fratino. Ŝi salutas ĉiujn geamikojn, kiujn ŝi deziris renkonti.

**Adres-ŝanĝo kaj korekto**

KN 2317 S-ino Valeria Cvetkova, a/k 366, 197022, S-Peterburgo, Rusio

KN 1597 skbl-q S-ro Stan Keable, 13 Argyle Ave, Hounslow, Britio TW3 2LE.

**Poemo**

*Kial UK?*
*Kial kongresanoj malfruas en kunsid'?*
*Kial homoj flustre diskutas dum preleg'?*
*Kial homoj ĉiam saketsusuras dum koncert'?*
*Kial deĵorantoj diskutas ĉe giĉet'?*
*Kial neniu respondecul' surŝultras programerar'?*
*Kial malgraŭ ĉio mi ŝatas la interhomar'?*

*Ĉar, jes ja ĉar UK donas senton Esperantistar'!*

**KN 244**

### Jubileanto



Fotis KN 92

S-ro Momèilo Krstić(KN 785) el Vrtište (Serbio kaj Montenegro) estas 20-foja kongresano. Dum la Solena Inaŭguro li salutis la Kongreson per jenaj vortoj:

"Pasintjare en Ĉinio mi portis ruĝan ĉapon, kaj popolan serban vestaĵon. Nun mi portas verdan Esperantan ĉapon – tie maniere mi kunigis du respublikojn Serbio kun Montenegro".

**Filmita materialo**

Kongresanoj, kiuj deziras havi filmitan materialon pri la UK, bv. telefoni s-ron Egidijus tel. +370 61798078.

**ATENTON!**

Mi petas la posedantojn de poŝtelefonoj elŝuti ilin dum la prezentadoj. Ili tre ĝenas tiujn, kiuj ŝatus atente aŭskulti la prelegojn aŭ mem diskutadi.

Dankon pro via konsidero!

**KN 377**

### El la redakcio

La redakcio bonvenigas viajn kontribuojn al la redakcia salono Rosbach kaj per retpoŝto: kuriero@esperanto.lt. La redaktofino por la venonta numero: sabate je 16h00.

La kurieron oni povas legi en la PDF-formato ĉe http://esperanto.lt/board/zboard.php?id=kuriero.

Ĉi tiun numeron redaktis Choe Taesok, Mečislovas Grikpėdis, Vida Čojienė, Indrė Pileckytė, Aleksejus Karpovas.

# Vilna Sonoro




N-ro 6

Vendredo, 29-a de julio 2005

| | | |
|---|---|---|
| Tage | +23 | +25 |
| Nokte | +12 | +14 |

Redakteja retadreso: **kuriero@esperanto.lt**

Kongresa Kuriero de la 90-a Universala Kongreso en Vilno, Litovio


## BELARTAJ KONKURSOJ 2005

"La Belartaj Konkursoj de UEA havas la celon evoluigi la artojn en kaj pere de la internacia lingvo." Per tiuj vortoj malfermiĝas la regularo, kiu priskribas la rolon kaj funkciadon de la Belartaj Konkursoj, konsultebla ĉe la retpaĝaro de UEA.

La Konkursoj havas sep branĉojn: poezio, prozo, eseo, teatraĵo, vidbendo, kanto, kaj infanlibro. La kvalito kaj kvanto de konkursaĵoj varias draste inter la diversaj branĉoj, kaj la nuna jaro ne estis escepto. Poezion niaj samlingvanoj produktas en granda kvanto – ĉar ili estas lingvoamantoj kaj do ŝatas ekspluati la unikajn eblecojn de Esperanto. Ĉi-jare venis entute 31 konkursaĵoj.

Por la proza branĉo estis eĉ pli da konkursaĵoj: 34 entute. Kelkaj, kiel ĉiam okazas en tia konkurso, ne atingis minimuman nivelon laŭ enhavo kaj stilo. Unu el la juĝantoj parolis pri sia "rubostako," rimarkante, tamen, ke malbona enhavo kaj malbona lingva nivelo emis koincidi. Tiu sama juĝanto skribis, "Mi supozis, ke branĉo prozo rilatas ĉefe al fikciaĵoj, ĉar ekzistas alia branĉo por eseoj.... Sed almenaŭ du el la proponitaĵoj estis eseoj (ne tro bone maskitaj kiel fikciaĵoj) kaj unu estis senhonta religia predikaĵo (simile mismaskita)."

En la branĉo eseo, laŭ la regularo, rajtas konkursi eseoj "pri temo lingva, literatura, historia aŭ sociologia" – do granda gamo de diversaj enhavoj. Tio prezentas problemon por la juĝantoj, ĉar ofte la konkursaĵoj ne estas facile kompareblaj.

La branĉo teatraĵo, kiel bedaŭrinde tro ofte okazas, estis verŝajne la plej malforta. La manko de Esperanto-scenejoj, la necerteco pri kio entute estas teatraĵo en la hodiaŭa teatra medio, kaj la stilaj komplikaĵoj de dramverkado (teatraĵoj ja konsistas el skribaj versioj de la parola lingvo) – ĉio ĉi malhelpas la fekundecon en tiu ĉi branĉo. Fakte, oni povas paroli pri krizo en la Esperanta teatra arto. Venis nur du konkursaĵoj, el kiuj unu havis signifajn lingvajn mankojn. Ĝenerale la juĝantoj plendis, ke la verkoj estus malfacile ludeblaj.

La teknologio tiel antaŭeniris, ke necesas nun, en la mondo de kompaktaj diskoj kaj aliaj rimedoj, redifini la branĉon kaj ĝiajn celojn. Oni ankaŭ kelkfoje proponis aldoni tute novan branĉon, la branĉon retpaĝaro, ĉar finfine ankaŭ ĝi estas unu el la esprimiloj disponeblaj al esperantistoj, kaj gravaj por nia movado. Sed denove leviĝas la demando de kriterioj kaj difinoj (kaj ankaŭ de aŭtoreco).

Jam firme establiĝis en niaj Belartaj Konkursoj la branĉo kanto (alvenis 11 konkursaĵoj). Sed ankaŭ tie ekzistas problemoj vekitaj kaj de la regularo kaj de la teknologio.

## Transporto por Internacia Vespero kaj Solena Fermo

La aŭtobusoj por la **Internacia Vespero** kaj (salono Zamenhof en Vilniaus Siemens Arena, Ozo str. 14) ekiras de antaŭ la kongresejo de Reval Hotel (Konstitucijos av. 20) **vendrede je la 18h30 kaj 19h30.**

Por la **Solena Fermo** (Zamenhof) la aŭtobusoj ekiras **sabate je la 08h15 kaj 09h15** de la sama loko (Reval).

Se vi maltrafas, de Real Hotel Lietuva iru kaj transiru la straton Kalvarijų. Trovu la bushaltejon "Žaliasis tiltas" ĉe la samnoma ponto. Veturu per la buso n-ro 10, 26, 26A, 53 aŭ 53A. Eliru en la 5-a haltejo "Pramogų Arena".

Laŭ la regularo, "la teksto kaj melodio povas esti verkitaj de malsamaj aŭtoroj; la melodion oni povas sendi surpapere aŭ sonbende." Ĉu eventuale ni atingis punkton kiam ĉiu kontribuo venu en ambaŭ formoj – kiel sonbendo kaj ankaŭ kun partituro kaj teksto?

Fine, pri infanlibroj, nur du verkoj konkursis. Tiu ĉi branĉo estas unika ĉar ĝi rilatas al verko jam eldonita, sed tio en si mem igas la juĝan taskon aparte malfacila, ĉar ne plu temas simple pri la kvalito de la kerna teksto, sed pri la prezento de la tuto. Unu el la juĝantoj petis pri konsilaro por la ĵurioj, en kiu estu "preta listo de analizotaj aspektoj, kiel originaleco de la enhavo, kvalito de la bildoj, lingvaĵo, grafikaranĝo kaj ĝenerala eldon-aspekto." Tio bedaŭrinde ne ekzistas.

Kaj jen ni venas al la kerna punkto, kiu reliefiĝis en la nuna jaro: la bezono iel pli bone difini niajn atendojn en la diversaj kategorioj, sen trolimigi la gamon de eblecoj. Laŭ mi, ekzistas du vojoj por atingi tion. Unue, ni povus produkti malgrandajn konsilarojn por verkantoj almenaŭ por certaj branĉoj (notu, ke mi parolas pri konsilaroj, ne pri detaligo de la regularo, kio povus troe malhelpi la naturan evoluon de la konkursoj). Due, ni povus dediĉi en niaj eldonaĵoj multe pli da atento al la konkursaĵoj, montrante ilin al pli granda publiko ol nun eblas simple per la paĝoj de la revuo Fonto, kie ili normale aperas, danke al la malferma kaj kunlaborema sinteno de ties redakcio. Se la homoj vidus kaj ensorbus la altan kvaliton de la plej sukcesaj verkoj, ili emus imiti kaj superi tiujn modelojn – kaj tio antaŭenigus nian celon, laŭ nia regularo, "evoluigi la artojn en kaj pere de la internacia lingvo."

**KN 11**

# RAPORTOJ

**Afrika agado**

Sub gvido de Agnes Coene-Geelen marde matene okazis renkontiĝo pri Afrika agado. Tie du togolandanoj Mensah Agbemadon-Attiogbe kaj Koffi Doumégnon prezentis la laboron de la Instituto Zamenhof kaj la Afrika Oficejo en Lomé. Ili ankaŭ raportis pri la granda intereso pri Esperanto en pluraj landoj de Afriko. Post la prezentado ili respondis plurajn demandojn kiel konkrete helpi al afrikaj esperantistoj.

**KN 553**

**Poŝtoj**

Okazis la 28-an de julio vizito al la Centra Poŝtoficejo. La 7-personan viziton akceptis Albina Kurienė, direktorino de la Litova Poŝto. Dum agrabla akcepto multaj demandoj estis levitaj, interalie, komparo inter la laboro de la Litova Poŝto kaj alilandaj poŝtfakoj. Ni vizitis la tri fakojn de la Poŝto. Oni ankaŭ aludis pri novaj eŭropaj tendencoj, kiel privatigo de publikaj servoj. Post kontentigaj respondoj, la partoprenantoj aparte gratulis la Litovan Poŝton por la nove eldonita poŝtmarko kun portreto de Zamenhof.

**KN 157**

**IKUE/KELI-anoj**

Jaŭdon matene kunsidis 60 kristanoj, membroj de IKUE kaj KELI. Oni informiĝis pri ĵus finita ekumena E-kongreso kaj ankaŭ pri venontjaraj kongresoj, kiuj okazos en Ĉeĥio. La ĉeestantaro estis informita ankaŭ pri la iniciato de IKUE: venontjare okazigi interreligian Esperanto-kunvenon en Azio. Oni prezentis novajn kristanajn E-eldonaĵojn kaj planojn pri reeldono de Biblio en Esperanto.

**KN 951**

**Samseksamaj Geesperantistoj**

Dimanĉe posttagmeze en la salono Skūpas okazis la jarkunveno de la Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj (LSG). Estis ĉirkaŭ 50 ĉeestantoj. Reelektiĝis al la estraro Arnold Victor kiel prezidanto kaj Rolf Köhler kiel kasisto-sekretario. Oni elektis al la estraro Andreas Nordström, Igor Couto, Francis Soghomonian, kaj Torstein Kvakland. Oni decidis reteni la nunan kotizon. LSG rekunvenos en Florenco por la UK en 2006. La kunveno omaĝis al forpasinta loka ano. Se vi volas pli da informoj pri LSG, bonvolu kontakti Arnold Victor (KN 156) aŭ Rolf Köhler (KN 1401).

**KN 172**

**Por Etnaj Liberecoj**

Kunsidis marde la Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj kun pli ol 50 personoj.

En Litovio konstateblas relative granda toleremo koncerne lingvojn, kvankam la litova estas la sola ŝtata lingvo. 99% de la loĝantoj de tiu ĉi ŝtato havas ĝian civitanecon. En la du aliaj ĉebaltmaraj ŝtatoj (Latvio kaj Estonio) malpli alta procentaĵo havas la respektivan civitanecon. Tie la civitaneco-problemo estas pli profunda, ĉar multe pli da – precipe rusoj – vivas en tiuj ŝtatoj.

Surprizas, ke en Litovio – laŭ ne vere reprezentaj enketoj – la anoj de la rusa kaj pola etnaj minoritatoj estas altagrade taksataj koncerne negativajn respektive pozitivajn trajtojn (ekzemple: iniciatemon, purecemon, ŝparemon, honestecon, patriotecon ktp.). Litovoj taksas sin mem malpli pozitive!

Kompreneble, prof. Gudavičius donis al la aŭskultantoj statistikajn informojn: en 2001, en Litovio el 3,484 milionoj da enloĝantoj 219800 estis rusoj, 235000 estis poloj kaj, ekzemple, 2600 romaoj (ciganoj); Estonio, en la jaro 2000, el 1,356 milionoj estis 344000 rusoj, 29000 ukrainoj, 17000 belorusoj ktp. En la posta demandado, la preleginto respondis, ke, ekzemple, la rusa lingvo minacis la litovan kiel nuntempe la angla faras tutmonde. Fine, okazis interesa interparolado pri la agado kaj celoj de IKEL.

**KN 219**

**Veterana Esperanto-Klubo**

Ĉu vi esperantistiĝis antaŭ 1966?

Se jes, vi povas esti membro de Veterana Esperanto-Klubo (VEK), kiu iom longe dormis, sed nun, en Vilno, ĝi reVEKiĝis.

Surprize granda nombro de UK-partoprenantoj, kiuj ne hontas esti konsiderataj veteranoj, vigle subtenis la iniciativon de Osmo Buller (Ĝenerala Direktoro de UEA), Humphrey Tonkin kaj Ulrich Lins reaktivigi ĝin dum marda kunsido.

Kial fariĝi VEK-ano? Kion faru la Asocio?

Ni NE antaŭvidas esti grupo de olduloj, kiuj marŝas antaŭ la podio dum la Inaŭguro de ĉiu UK kun verdstelaj medaloj ĉebruste. Male, ni antauŭvidas ludi pozitivan rolon en la estonteco kiel fonto de spertaj konsilantoj, al kiuj ne nur UEA, sed eventuale, la tuta esperantistaro povos sin turni por ĉerpi el la puto de longdaŭra esperantisteco.

Historio estas grava por la estonteco, ĉar ĝi instruas nin. Tiu spirito, kiu nun instigas la reorganizadon de la biblioteko de UEA, estas parte la inspiro de la revivigo de VEK.

Eĉ veteranoj en nepagipovaj landoj povas membriĝi, ĉar la kotizo (10 eŭroj / 30 lidoj) estas libervola. Kotizoj kaj donacoj estu senditaj rekte al UEA por la konto de VEK. Dum la cetero de la UK, bonvolu pagi rekte al la kasisto de UEA.

La Asocio havas tri kategoriojn de membroj, kiuj estas jene difinitaj: "Veterano" – esperantisto jam de minimume 40 jaroj; "Jubileano" - esperantisto jam de minimume 50 jaroj; "Dojeno" – la plej longdaŭra esperantisto en la Asocio. En la momento de ĉi tiu raporto tiun honoron ha-vas s-ino Madeleine Nicolai el Francio, kiu esperantistiĝis en 1945 (KN 1249). Ni alvokas ĉiujn kvalifikitojn en la tuta mondo anonci sin kaj membriĝi.

**KN 517**

**Tuttaga ekskurso**

Merkrede okazis ekskurso al Rumšiškės kaj Kaunas. En la buso ni vidis interesan folkloran videon „Litova kalendaro" kaj aŭskultis popolan muzikon, konatiĝis kun la trilingva poemaro de nia gvidanto. En Rumšiškės ni konatiĝis kun ĉarmaj lignaj konstruaĵoj de la pasintaj terkulturaj tempoj kaj estis gastigataj en tradicia kompara maniero: mielo, nigra pano, fromaĝo. En Kaunas imponis la muzeoj de bonaj diabloj kaj de artisto Čiurlionis. Bedaŭrinde la strato Zamenhof kun sia duona malfiksiĝinta nomŝildo povis nur kompatigi kaj amuzi. (Foto en p. 3)

**KN 314**

# ANONCOJ

**Instruistoj**

Universitataj / altlernejaj instuistoj bonvolu veni vendrede je la 16-a horo al salono Grabowski por priparoli projekton por faka studado en Esperanto por altlernejaj studentoj.

**KN 1196**

**Aŭtora duonhoro**

Vendrede je la 11h30:

Trevor Steele pri la dua volumo de la romano "La fotoalbumo" kaj pri "Diversloke"

Hori Jasuo pri "Raportoj el Japanio".

Ilona Koutny kaj Aida Čižikaitė pri "Etvortaro pri lernado kaj laboro en la angla, Esperanto kaj la litova".

**KN 89**



*Ekskurso al Rumšiškės kaj Kaunas (sur la placo de Kaunas). Fotis KN 92.*

**Lingvopolitika agadoj**

La Laborrondo pri Liberala Eŭropa Lingvo-Politiko (ALEUS), fondita 1974 en Paderborn, reaktiviĝis per la starigo de "9-punkta programo", represita en la ĵus aperinta libro „Por dulingveco en Eŭropo" de nobelpremiito Prof. Dr. Reinhard Selten kaj AIS-prezidanto Prof. Dr. Helmar Frank. Uzante la libron la membroj de ALEUS celas skribi al liberalaj parlamentanoj kaj partigvidantoj ne nur en la germana lingvoregiono por instigi ilin al serioza priokupado pri la diversaj komponantoj de neŭ-trala lingvopolitiko surbaze de liberalaj principoj. ALEUS serĉas interesitajn kongresanojn el la diversaj EU-landoj por kunagadi – ĉu kiel liberaluloj kadre de AIS mem, ĉu kiel apogantaj de aliaj politikaj tendencoj -, kiuj pretas iniciati en siaj partioj analogajn agadgrupojn sub la komuna, politike neŭtrala tegmento de Eŭropa Klubo. Plua informo haveblas ĉe la komuna giĉeto de ALEUS kaj Eŭropa Klubo.

**KN 1931**

**Asocioj por la savo de la naciaj lingvoj en EU**

Eŭropa Klubo alianciĝis antaŭ 6 semajnoj kun la probable plej rapide kreskanta kultura asocio en Germanio, „Asocio (por la savo de la) Germana Lingvo" (VDS). Fondita antaŭ apenaŭ pli ol tri jaroj de la profesoro pri statistiko en la universitato Dortmund, Walter Kraemer, la asocio intertempe jam havas preskaŭ 25.000 membrojn en Germanio kaj pluraj aliaj landoj eŭropaj kaj alikontinentaj. La asocio komencis sian agadon publike atakante famajn kulpulojn pri la enfiltriĝo de amerikanismoj en la germanan lingvon. La delegitarkonferenco de VDS, okazinta komence de la monato junio en Dresden, la unuan fojon pritraktis ankaŭ la lingvo-problemon en la Eŭropa Unio. La diskutbazo estis propono por „Deklaracio de Dresden" verkita kaj prezentita de la honora prezidanto de Eŭropa Klubo, Prof. Dr. Helmar Frank. La estraro de VDS jam principe aprobis la deklaracion, publikigos ĝin en la asocia revuo, diskutigos ĝin tie dum unu jaro antaŭ la venantjara fin-decido, kaj intertempe strebas al efika kunlaboro kun Eŭropa Klubo kaj kun similcelaj asocioj por la defendo de la aliaj minacataj lingvoj de la Eŭropa Unio. Celo estas kunordigi la fortojn por dise sed samsence pledi por neŭtrala eŭropa lingvopolitiko. Eŭropa Klubo serĉas la adresojn de ĉiuj kongresanoj, kiuj en siaj unuopaj lingvoregionoj pretas kunagi kun samcela, jam ekzistanta aŭ fondebla asocio. La „Deklaracio de Dresden" estas dulingve publikigita en la ĵus okaze de la 90a UK aperinta libro de Nobelpremiito Prof. Selten kaj AIS-prezidanto Prof. Frank „Por dulingveco en Eŭropo", havebla en la Libroservo. Pluan informon donas dumkongrese Eŭropa Klubo ĉe sia giĉeto.

**KN 1892**

**Internacia Premio Academicus Ariste**

Dum la Solena Fermo de la nuna UK d-ro Roberto Corsetti je la nomo de UEA kaj s-ino Kaie Pöial, estona konsulo kun ambasadoraj rajtoj en Vilno, je la nomo de estonaj organizoj, transdonos la premiojn Academicus Ariste al d-ro Detlev Blanke (Germanio) kaj prof. Humphrey Tonkin (Usono).

**KN 866**

**Interreligia E-kunveno**

Dum jaro 2006 oni oni memorigos 20-jaran datrevenon post la granda renkontiĝo en kiu la Papo Johano Paŭlo la Dua invitis reprezentantojn de la tutmondaj religioj al Asizo. Okaze de tiu datreveno, Internacia Katolika Uniĝo Esperantista (IKUE) invitas reprezentantojn de Esperantaj religiaj asocioj kaj komunumoj kunveni en Asizo. Favoras ankaŭ proksimeco de la kongresurbo. Grave: la kunveno ne kolizios kun la kongresa programo. Pliaj informoj ĉe: marija@ catholic.org aŭ helikposto 951.

**KN 951**

**Komuna veturo al ILEI**

Por kongreanoj, kiuj mendis busan veturon al ILEI (al Kaunas). La buso ekiras je la 15.00. Ĝi atendos vin en la placo ĉe la enirejo de la kongresejo. la buso havos ŝildon VETURO AL ILEI. Numero de la buso ACP 561.

**KN 109**

**Kroata gazeto pri la Vilna UK**

Kroata gazeto pri 90-a UK de Esperanto, kvankam "Slobodna Dalmacija" (Libera Dalmatio) unu de la ĉefaj kroataj gazetoj 4-foje skribis antaŭ la kongreso, ĝia ĵurnalisto (KN 1442) denove sendis sian kontribuaĵon okaze de la solena malfermo, aperiginta lunde, kaj denove marde estis sendita artikolo por merkredo.

**KN 1442**

**X-a naskiĝtago**

Gerardo Weber la 28-an de julio festis sian x-an naskiĝtagon. Amiko, mi esperas renkonti vin denove dum UK eĉ kiam vi festos vian 99-an naskiĝdatrevenon.

**KN 1220**

**Perdita**

Mi perdis miajn okulvitrojn en nigra skatolo kaj ruĝan ombrelon lunde vespere en Mambo Club aŭ en la amasloĝejo. Mi forgesis mian kotonan sakon en belaj estonaj koloroj: blua-blanka- nigra. Se vi trovis, bv. kontakti min.

**KN 1176**

**Postkongresa ekskurso P3**

Estas ankoraŭ mendebla loko por unu virino en dulita ĉambro. Kontaktu min.

**KN 1695**

**Kontribuu al aperonta informada DVD!**

E@I – faka sekcio de TEJO – preparas por la jaro 2006 eldonon de informriĉa, ampleksega DVD pri Esperanto: "Elektronika Esperantio". Se vi volus kontribui per iu ajn materialo proponebla por aperigi – muziko, filmetoj, vortaroj, fotoj, ludoj, programoj, ... – aŭ/kaj helpi al ni, bv. kontakti estraro@ikso.net aŭ la prezidanton: Peter Baláž (KN 1622) – petro@ikso.net. La plano estas, ke la DVD-n ricevu venontjare dum la UK en Florenco ĉiu kongresano.

Koran antaŭdankon al ĉiuj kontribuontoj.

**Mondonaco**

La kongresa libroservo akceptas monajn donacojn por helpi esperantistojn en malriĉaj partoj de la mondo.

**Karavano al IJK**

Partoprenantoj rapidu pagi ĝis la **29-a** de julio.

**Starigo de statuo de la Papo Johano Paŭlo la 2-a**

Subtenu la iniciaton de honora membro de UEA!

Ĉi iniciato origine devenas de don Duilio Magnani, ĵus elektita nova honora membro de UEA. Don Magnani estas konata pro la aranĝo de la «katedralo de esperantistoj», kiel oni nomis lian paroĥejan preĝejon de Sanktaj Johano kaj Paŭlo en Rimini, kie danke al li, ĉiuj mozaikoj havas dulingvajn tekstojn - italan kaj Esperantan.

La statuon de la Papo Johano Paŭlo la 2-a verkos sama Nicola Arrighini. La statuon oni planas inaŭguri okaze de la unua datreveno de la forpaso de la Papo, la 2-an de aprilo 2006.

Se vi deziras kontribui al kreado de unu plia ZEO en la mondo, direktu siajn kontribuojn al la konto de IKUE (Internacia Katolika Unuigo Esperantista) ĉe UEA: ikue-v.

**KN 951**

## NOVAJ ALIĜOJ

| | | |
|---|---|---|
| 2332 | S-ro | Nerijus Černevičius, Litovio |
| 2333 | S-ro | Wojciech Soczowka, Germanio |
| 2334 | S-ro | Taneli Huuskonen, Finnlando |
| 2335 | S-ro | Olaf Lindner, Germanio |
| 2336 | S-ro | Joung-Long Kim, Koreio |
| 2337 | S-ro | Rut Jesus, Portugalio |
| 2338 | S-ro | Mykolas Banaitis, Litovio |
| 2339 | S-ino | Suzsanna Totogne Gados, Hungario |
| 2340 | S-ro | Ivan Sergiev, Bulgario |

**Invito**

Post la UK mi volas ankoraŭ ferie vojaĝi tra la tri Baltaj ŝtatoj per aŭtomobilo. Se iu volas kuniri, estu bonvena. La vojaĝo mem estas senkosta por vi. La auto ja tamen veturos.

Mob. tel. 0647667376
aŭ +31647667376

**KN 1094**

**Rendevua tabulo**

Kongresanoj kontrolu ĉiutage – minimume unufoje – la Rendvuan Tabulon kaj prenu tie siajn mesaĝojn. Mi spertis, ke homoj eĉ ne komprenas la sencon de tiu ĉi afero.

**KN 162**

## Nova interkultura paro de UK



Sepideh Laa (KN 1601) kaj Roberto Stalzer (KN 2120) renkontiĝis unue en la 89-a UK en Pekino kaj gefianĉiĝis ĵus en Vilno. Gratulojn!!!

## El la redakcio

La redakcio bonvenigas viajn kontribuojn al la redakcia salono Rosbach kaj ankaŭ per retpoŝto: kuriero@esperanto.lt. La redaktofino por la venonta numero: vendrede je 16h00.

La kurieron oni povas legi en la PDF-formato ĉe http://esperanto.lt/board/zboard.php?id=kuriero.

Ĉi tiun numeron redaktis Choe Taesok, Mečislovas Grikpėdis, Vida Čojienė, Indrė Pileckytė, Aleksejus Karpovas, Antanas Grincevičius.

# Vilna Sonoro




## N-ro 7

**Sabato, 30-a de julio 2005**

| | | |
|---|---|---|
| Tage | +28 | +33 |
| Nokte | +17 | +22 |

Redakteja retadreso: **kuriero@esperanto.lt**

Kongresa Kuriero de la 90-a Universala Kongreso en Vilno, Litovio


## REZULTOJ DE LA BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA 2005

BRANĈO POEZIO
Juĝkomisiono: Carmel Mallia (Malto), Roberto Passos Nogueira (Brazilo), Wouter Pilger (Nederlando).
Partoprenis 31 verkoj de 16 aŭtoroj el 13 landoj.
Unua premio: Ekvadoro – de Benoît Filip, Germanio.
Dua premio: Rajdanto de l' revo – de Neide Barros Reĝo, Brazilo.
Tria premio: Vilna Vilanelo – de Sten Johansson, Svedio.

BRANĈO PROZO
Juĝkomisiono: Donald Broadribb (Aŭstralio), Konisi Gaku (Japanio), Don Harlow (Usono).
Partoprenis 34 verkoj de 18 aŭtoroj el 14 landoj.
Unua premio: Signoj dum ŝtormo – de Leif Nordenstorm, Svedio.
Dua premio: Stranga hobio – de Sten Johansson, Svedio.
Tria premio: Spektaklo – de Tim Westover, Usono.

BRANĈO ESEO
Juĝkomisiono: Detlev Blanke (Germanio), Giancarlo Fighiera (Italio), Kobayashi Tsukasa (Japanio).
Partoprenis 6 verkoj de 5 aŭtoroj el 5 landoj.
Unua premio: Uzi interreto kiel tekstaron por lingvaj esploroj – de Sten Johansson, Svedio.
Dua premio: Bohemia amoro – de Sten Johansson, Svedio.
Tria premio: ne aljuĝita.

BRANĈO TEATRAĴO
Juĝkomisiono: Wera Blanke (Germanio), Paul Gubbins (Britio), Martin Haase (Germanio).
Partoprenis 2 verkoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.
Unua premio: ne aljuĝita.
Dua premio: ne aljuĝita.
Tria premio: Vuk kaj Revolucio – de Marko Nikoliĉ (Serbio/Montenegro).

BRANĈO KANTO
Juĝkomisiono: Jacques Le Puil (Germanio), Paul Gubbins (Britio), Bertilo Wennergren (Germanio).
Partoprenis 11 verkoj de 9 aŭtoroj el 6 landoj.
Unua premio: Balado pri Hamleto – de Enrica Arbib (Israelo).
Dua premio: Suna veno – teksto de Roy Mc Coy (Nederlando), melodio de Reese Scott (Usono).
Tria premio: Eble – de Doron Modan (Israelo).
Tria premio: La Pordo – de Alejandro Cossavella (Argentino).




BRANĈO INFANLIBRO DE LA JARO
Juĝkomisiono: Jouko Lindstedt (Finnlando), Anna Lowenstein (Italio), James Resende Piton (Brazilo).
Partoprenis 2 verkoj de 2 aŭtoroj el 2 landoj.
Infanlibro de la jaro 2005: rakontoj sub la lito, de Antoaneta Klobuĉar, eldonita de Esperanto-Societo „Liberiga Stelo", Osijek, Kroatio.

BRANĈO VIDBENDO
Juĝkomisiono: B. Moon (Luksemburgio), Roman Dobrzynski (Pollando), F. Veuthey (Nederlando).
Partoprenis 3 konkursaĵoj el 3 landoj.
Dua premio al Jill Gubbins (Britio) por „La Duonokulvitro".



*Ĵaŭde okazis la urbestra akcepto kun la plej multnaciaj invititoj en la litova historio.* Fotis KN 92.

# RAPORTOJ

**Komitata kunsido**

La komitato de UEA vendrede havis sian duan plenkusidon. Ĝi traktis raportojn de ok subkomitatoj: financoj, eksteraj rilatoj, edukado, informado, kulturo, landa kaj regiona agado, faka kaj scienca agado, junulara agado. Laŭ proponoj de la subkomitatoj, la Komitato decidis pri buĝeto por 2006, membrokotizo de 2006, tri novaj aŭ ŝanĝitaj regularoj kaj aldonoj al la strategia laborplano. En la raportoj estas ankaŭ resumoj pri diskutoj, kiujn la komitatanoj kaj estraranoj pripensos dum la jaro. Krome la Komitato akceptis du landajn asociojn: Esperanto-Federacion de Niĝerio kaj Iranan Esperanto-Asocion.

**KN 84**

**Fervojista kontaktkunveno**

La 28-an de julio en la salono Grabowski okazis la fervojista kontaktkunveno. Ĉeestis 48 personoj el 14 landoj. Prezidis Istvan Gulyas (KN 953) viceprezidanto de IFEF. La viceprezidanto raportis pri la okazinta IFEF-kongreso (Braŝovo), pri la centjariĝo de la Federacio en la jaro 2009. Li menciis, ke IFEF malfermas sian pordon antaŭ aliaj trafikbranĉoj (aviadistoj, ŝipistoj, poŝtistoj k.a). Plena raporto kaj informo estis pri la venontjara IFEF-kongreso, kies loko estas Ĉina urbo Ŝanhajo en majo. La vicprezidanto parolis pri kunlaboro inter diversaj fakaj asocioj, eĉ inter neesperantistaj fervojistaj aranĝoj. Poste sekvis la raporto pri la terminara laboro, kiun faras IFEF dum plurdek jaroj. Inter la alparolantoj kelkaj plendis pro la malfrua informo de la kongresaj aranĝoj, interalie, pri la fervojista kunveno. Pluraj partoprenantoj interesiĝis pri la venontjara IFEF-kongreso, ĉefe pri la vojaĝeblecoj kaj pri ceteraj movadaj temoj.

**KN 953**

**LIBE**

Ligo Internacia de Blindaj Esperantistoj kunsidis jaŭdon, la 28-an de julio ĉeestis 40 personoj, inter kiuj 15 blinduloj el deko da landoj.

**KN 168**

**Ŭonbulanoj debutis**

Vendrede okazis la unua faka kunsido de ŭonbulismo, kiun ĉeestis ĉirkaŭ cent homoj. Prezentiĝis teceremonio kaj oni spektis vidbendon pri ŭonbulismo, koredevena religio. Choe Taesok parolis pri "Ŭonbulismo kaj Esperanto", substrekante, ke la eklezia estro plene akceptas Esperanton kiel mondan komunan lingvon. Geraldo Mattos, kiu ĵus finis sian tradukadon de la baza sankta libro en la portugalan, rakontis siajn impresojn pri ŭonbulismo. La kunsido estis bele spicita per kvinpersona kantensemblo kaj la ĉeestantaro estis regalita per koreaj teo kaj kuko. Ja donace ricevita ventumilo tre utilis en la homplena salono Grabowski.

**KN 1923**

**Lidia Zamenhof**

Prelego pri Lidia Zamenhof okazis ĵaŭdon kadre de la bahaa fakkunsido. Inter ĉ. 60 ĉeestantoj estis ankaŭ d-ro Zaleski-Zamenhof, kiu post la prelego de Berhard Westerhoff kontribuis kelkajn personajn memorojn pri sia onklino Lidia, interalie ke estis ŝi, kiu instruis al li Esperanton. Post kelkaj demandoj kaj ioma diskutado, kio tuŝis precipe la rilaton de bahaismo al Esperanto, la kunveno finiĝis same kiel komenciĝis per akordeona muziko de bulgara BEL-ano Ivan Sergiev. La kunvenon prezidis BEL-estrarano Bradley McDonald.

**KN 1482**

**Budhana Ligo Esperantista**

Budhanoj kunvenis marde. Ĉeestis 34 kongresanoj. Estis menciita la fakto, ke la budhismo estas la unua konata internacia movado, kaj kiel budhanoj venis al Litovio kaj la ĉirkaŭantaj landoj dum la tempo de la mongola kaj rusa imperioj. Post prezentado de la historio de BLE kaj bona interbabilado, estis elektita nova estraro por la venontaj tri jaroj.

**KN 617**

**Azia agado**

Ĵaŭdon, la 28-an de julio okazis la publika kunsido de KAEM (Komisiono pri Azia E-Movado) en la salono Chen Yuan. Hori Yasuo, prezidanto de KAEM raportis siajn rikoltojn. Laŭ la prezido de Lee Jung-kee, sekretario de KAEM landaj asocioj raportis sian movadon respektive. KAEM en sia fermita kunsido decidis, ke la 5-a Azia Kongreso okazos en Barato en 2008. KAEM okazigos la azian kongreson ne en ĉiu tria jaro, sed en ĉiu dua jaro ekde la 6-a Kongreso.

**KN 2197**

**Nefumantoj**

TADEN – kunsido okazis lundon. Ĉeestis 20 personoj (inter kiuj 6 membroj de la asocio) el 12 landoj. Partoprenis la prezidanto Jan Bemelmans (NL).

**KN 168**

**Medicinistoj**

Marde, la 26-an de julio antaŭtagmeze okazis la kunsido de la medicinistoj (UMEA). Prezidis d-ro Imre Ferenczy, prezidanto de UMEA. La prezidanto raportis pri la okazinta Internacia Medicinista E-Konferenco (Plovdiv, Bulgario). D-ro Lajos Molnar informis pri la Eŭropa Unio, pri la Konstitucio kaj pri farita hungara-esperanta traduko. Post tri jaroj estos la 100-jara fondodatreveno de UMEA. La Asocio deziras inde festi la jubileon per eldono de Ova Zibro kaj per aliaj rimedoj.

**KN 42**

**Faka Forumo**

La kombinita kunveno de la Faka kaj Strategia Forumo okazis ĵaŭde. Partoprenis ĉirkaŭ okdek kongresanoj. La forumon kungvidis Renato Corsetti kaj Amri Wandel. Okazis sinprezentoj de pluraj fakaj asocioj, inter ili AVE (verduloj), IKUE (katolikoj), AEH (handikapitoj), LIBE (blinduloj), ATEO (ateistoj), ASISTI (spiritista asocio). Oni informis ankaŭ pri aliaj fakaj asocioj kaj agadoj – homekologio, libero por la lingvoj, kaj turismo, KAVA-PECH kaj KAEST.

Wandel emfazis la gravecon de la Internacia Kongresa Universitato por la scienca apliko de Esperanto. Li raportis

pri la bona funkciado de la komunaj kursoj de IKU kaj Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) okazintaj dum la kongreso, kaj pri la IKU-libro, havanta la tekstojn de ĉiuj IKU prelegoj. Prof. H. Frank, prezidanto de AIS, klarigis pri la strukturo de la AIS – kursa aktiveco. Sekvis diskuto pri strategioj de sukcesa faka agado kaj kontaktado de ne-esperantistaj fakaj asocioj.

**KN 80**



*Ni tiel interkonatiĝis. Hodiaŭ ni disiĝas por ree renkontiĝi. Fotis KN 92.*

**Ĝemeliĝo de urboj**

Por daŭrigi praktikon komencitan en Pekino, en salono Grabowski okazis kunsido pri urbo-ĝemeliĝo. Partoprenis proksimume 60 kongresanoj. Ĝin gvidis la estrarano pri landa kaj regiona agado M.Gutiérrez kaj partoprenis la UEA-prezidanto Renato Corsetti. Estis legita raporto sendita de la komisiito pri ĝemeliĝo de urboj, s-ro Wu Guojiang el Ĉinio pri la jaro 2004, atingoj, problemoj kaj laborplano 2005. Oni ĝuis prezenton surekranan pri la imitinda agado farata de la Interkultura Centro de Herzberg en Germanio, kiu tre sukcese entreprenis projekton modelan por komuna Eŭropo inter la urboj Herzberg (Germanio) kaj Góra (Pollando). Oni emfazis la interkulturan flankon de tiu ĉi agado, kiu pozitive efikis al la du urboj.

La kongresanoj interŝanĝis spertojn ankaŭ pri rusa kaj franca urbo kaj pri aliaj similcelaj projektoj en EU. Oni instigas al daŭra laboro sur tiu kampo, aliĝo al diversaj listoj pri lokaj kluboj kaj agadoj, kaj kunlaboro kun la komisiito, kiu tre diligente laboras en tiu ĉi fako.

**KN 79**

**AERA - radioaŭskultantoj**

Vendrede en la salono Berthelot okazis tre sukcesa renkontiĝo de reprezentantoj de la esperantlingvaj programoj de la publikaj radiofonioj de Ĉina Radio Internacia, Kuba Radio kaj Pola Radio. Dum la kunsido estis laŭtprezentita aparta mesaĝo de la respondeculo de la E-Redakcio de Vatikana Radio.

La renkonto estis la okazo por memorigi, ke la vasta aŭskultantaro ĉiutage estas vaste informata pri la kongresaj eventoj. Ekzemple ekde la 24-a ĝis la 30-a de julio E-Redakcio de Pola Radio prezentis ĉ. 20-minutajn raportojn pri la trapaso de la kongreso. Multaj sonmaterialoj surbendigitaj dum la kongresa tempo aŭdiĝos en la Pola Radio en la postkongresa periodo.

Interrete: http://polskieradio.pl/polonia/eo

**KN 2040**

**Ĉeĥa amabasadoro**

La ĉeĥa amabasadoro, s-ro A. Voznica akceptis inviton de nia grupo partopreni solenan malfermon de la kongreso kaj li merkrede akceptis grupeton de 8 ĉeĥaj esperantistoj en sia amabasadejo. Ni interparolis kaj babilis pri rilatoj de Litovio kaj Ĉeĥio. Fine de renkonto ni komprenis, ke li de tiu tempo sciis pri Esperanto tute nenion. Kompreneble li jam aŭdis la vorton Esperanto, sed ne komprenis la enhavon kaj praktikon de la lingvo.

**KN 799**

**Vizito al la Komerca Ĉambro de Vilno**

25 membroj de IKEF, Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo, ĵaŭdon posttageze vizitis la Komercan Ĉambron de Vilno.

Franz Braun, eksprezidanto de IKEF mallonge skizis la originon kaj celojn de la asocio. Direktoro de la Litova Evoluiga Oficejo donis detalojn pri la ekonomiaj strukturoj de Litovio.

La lando havas 3,5 milionojn da enloĝantoj. Ĝia brutta nacia produkto atingas 50 procentojn de la tuto de la baltaj ŝtatoj kaj rapide kreskas. Jam antuaŭe Litovio estis konsiderata kiel la Silikona Valo de Sovetio kaj post la sendependiĝo ĝi restis teknike avangarda.

El posta demandado memorindas ke la ŝtata ŝuldo kun 20 procentoj de BNP estas malalta, ke agrikulturo okupas 16 procentoj de la loĝantaro, kontraŭe 8 procentoj en tuta EU – sed ke necesas importi plejparton de la legomoj, kaj ke litovoj mem estas la plej aktivaj investantoj.

Poste vicestrino de KĈ de Vilno parolis. Litova KĈ estis fondita en Kaunas en 1924. Ĝi ne ekzistis dum 1940-1973. En 1973 ĝi estis refondita laŭ sovetia modelo. Ekde 1991 ĝi havas strukturon kiel en ceteraj EU-landoj. Estas 6 regionaj ĉambroj. Tiu de Vilno havas 450 membrojn.

Ĉefa tasko estas la evoluigo de komerco. Krome KĈ ankaŭ disdonas certifikatojn de origino, ATA-dokumentojn kaj EAN-kodojn.

**KN 205**

**Recitalo de flutistino Lidija**

Marde okazis kun granda sukceso la recitalo de litova flutistino Lidija Gomolickaitė-Grudzinskaitė. Memoro longe restas ĉe kongresanoj.

**KN 1995**

## ANONCOJ

**Informo pri LITOVA STELO**

Karaj kongresanoj,

antaŭ ol viaj impresoj pri la UK forvaporiĝos, bonvolu surpaperigi kaj sendi ilin al la redaktejo de Litova Stelo.

Skribu pri la kongreso kaj ĝia organizado, pri Litovio (precipe, se vi estas unuafoja vizitanto). LS volonte publikigos viajn raportetojn en la plej proksimaj numeroj.

La redaktanto ankaŭ pardonpetas pro la malfruo de la 3-a numero de LS.

**Redaktoro, Petras Čeliauskas**

*S-ro P. Čeliauskas kuŝis en hospitalo post du operacioj. Ni bondeziras al li baldaŭan resaniĝon kaj revenon al Esperantaj aferoj - Vilna Sonoro*

**Perdita, sed ankaŭ TROVOTA**

Mi lasis mian preskaŭ novan, sed malmultekostan kaj neaŭtomatan FOTILON ĵaŭde vespere en la kongresejo. Tiu, kiu ĝin vidis, bonvolu ne malfermi la fotilon, ĝis vi povos forpreni la filmon sen riski ĝin. Kompreneble mi preferus ricevi ankaŭ la fotilon, sed mi ja volus rehavi mian FOTO-FILMON, kiu entenas multajn tre karajn fotojn por mi. Lasu ĝin aŭ ilin ĉe la kongresa informejo aŭ rendevua tabulo. Kun anticipaj dankoj

**KN 1634**

**Korekto en n-ro 6**

Interreligia E-kunveno okazos ne en Azio, sed en Asizo, Italio.

**Salutas**

Pro subita kruro-rompiĝo, mi bedaŭrinde ne povas partopreni la kongreson, sed pasigas la tempon en hospitalo en Vilno. Mi kore dankas ĉiujn kongresanojn kaj geamikojn, kiuj transdonis al mi siajn salutojn kaj bondezirojn por resaniĝo. Personajn mesaĝojn mi volonte akceptas ĉe: andreo.gr05@free.fr Pro nerapida retumado fotojn pri la UK vi bonvolu prefere sendi al mi per KD. Korajn dankojn!

**KN 1303**

**Al instruistoj de landoj de Eŭropa Unio**

Projekto por pliprofundigi eŭropcivitaneco per Esperanto nomiĝata "AKEL — Alternativa Komunikado inter Eŭropaj Lernejoj" legeblas ĉe www.lingvo.org/akel. Ĝi ne rilatas nur al nunaj EU-landoj ankaŭ al estontaj.

**KN 256**

**Dankon**

Mi dankas ĉiujn ĝentilajn personojn, kiuj helpis min, eĉ donante sian sidlokon por mi.

**KN 891**

**Virina agado**

Se vi interesiĝas pri la virina movado aŭ konas iujn organizojn de tiu kampo ekster Esperantujo; se vi volas havi kontakton aŭ kunlabori kun Esperantaj organizoj, bonvolu turni vin al mi.

**KN 1836**

## NOVAJ ALIĜOJ

2341 S-ro Roĝener Pavinski, Brazilo
2342 S-ro Dragutin Smoliĉ, Germanio
2343 S-ino Anastasia Ĵukova, Rusio
2344 S-ro Anatolij Masenko, Rusio

**Somerumado**

Se vi deziras somerumi apud la Adriatika marbordo por tre favoraj prezoj kaj en E-etoso, ĝui varman sunon, baniĝi en pura maro kaj viziti insulojn Brac kaj Hvar... E-somerumejo troviĝas apud vojo de Split (21 km) kaj Omiš (5 km). Anticipa rezerviĝo estas bezonata.

**KN 1442**

**Nomon aldonu**

Al mi estas ege malagrabla tiu kutimo nur mencii la kongresan numeron. Estus bone aldoni ankaŭ nomon kaj landon en la kongresa kuriero.

**KN 2249**

**Dankas**

8-persona grupo de medicinistoj (UMEA) ege dankas d-ron Alfredas Maruška (KN 103), kiu organizis tre interesan ekskurson al privata medicina centro ĵaŭde. La estro profesoro Vytautas Basys tre afable montris ĉiujn ejojn kaj multe rakontis pri medicina sistemo en Litovio.

**KN 872**

### Nova estraro de EEU



Fotis KN 482.

La direktoro de la Brusela Komunikad-Centro, Ben Indestege kun la estraro de Eŭropa Esperanto-Unio elektita marde: Peter Balaž, Zlatko Tišljar, Flory Witdoeckt, Sean O Riain, Georgo Handzlik.

### Adiaŭas vin la redakcio

Dankon pro viaj kunlaboroj!!!

Honora redaktoro: Petras Čeliauskas

Redakcio: Choe Taesok, Mečislovas Grikpėdis, Vida Čojienė, Indrė Pileckytė, Aleksejus Karpovas, Antanas Grincevičius.

La kurieron oni povas legi en la PDF-formato ĉe http://esperanto.lt/board/zboard.php?id=kuriero.